VI[a] jaro. N° 91 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 5 Decembro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

| | |
|---|---|
| Jara Abono | 1,60 $ (4 frankoj) |
| Kun francilingva aldono | 2 $ (5 frankoj) |

La abonoj komenciĝas de la 1[a] de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse*, **GENÈVE (Svisujo).**



∴ **La proksima N° de ESPERANTO, en la nova formato, aperos la 5 Januaro.**

∴ **Ĉiuj ponumeraj aĉetantoj rapidu sendi sian jarabonon por 1911 (Sm. 1,60).**

## Al niaj legantoj

Pro la kaŭzoj, kiujn ni montris en nia lasta N°, de la 1[a] de Januaro, la *ponumera* vendado de **Esperanto** estos forlasata. Ĉiuj ĝisnunaj ponumeraj aĉetantoj, kiuj deziras legi **Esperanto** estas do petataj ĝin *aboni*. (Jara abono : 1.60 Sm.). Tiu ĉi N° estas la lasta, kiu estos izole aĉetebla.

Aliparte, cedante al la deziroj de multaj legantoj, ni decidis ŝanĝi la formaton de **Esperanto.** De la nova jaro, ĝi aperos en pli malgranda formato (23 × 33 cm.), sed kun *minimume 16 paĝoj*. Tiu ĉi nova oportuna formato ebligos pli facilan legadon de la gazeto, ĝian konservadon kaj bindadon je la fino de l'jaro. Efektive, en tiuj kondiĉoj, jara kolekto de **Esperanto** formos belan volumon de ĉirkaŭ 400 paĝoj. La teksto restos, malgraŭ tio, tiel ampleksa kiel nun, se ne pli.

En alia rilato ni enkondukos kelkajn pliboniĝojn pri la enhavo de l'gazeto, interalie literaturan paĝon kaj servon de informoj pri la Esperantista movado, kiu permesos al nia gazeto doni unua la plej freŝajn novaĵojn pri la notindaj faktoj okazantaj en Esperantujo. Unuvorte ni faros nian eblon por pligrandigi la intereson de **Esperanto**, igi ĝin ĉiam pli utila kaj kompleta.

Tiuj diversaj pliboniĝoj devigos nin plialtigi la abonon ĝis 2 Sm. jare, sed ĉi tiu prezo valoros nur de la 1[a] de Februaro. Ĝis tiam oni povas aboni laŭ la ĝisnuna prezo (1,60 Sm.).

Fine la personoj kiuj deziras ricevi *luksan* eldonon de **Esperanto**, presitan sur bela papero, povos tion havi pagante jare 2,50 Sm. (Ĝisnunaj abonantoj povos ĝin ricevi sendante 50 Sd.).

Niaj legantoj bonvolu noti, ke pro la kristnaskaj festoj kaj la pluaj laboroj, kiujn trudas al ni la supre nomitaj ŝanĝoj, la venonta N° de **Esperanto**, en sia *nova formo*, estos datata 5[a] de Januaro, kaj estos sendata je la fino de *decembro*. De tiam ĝi aperos regule la 5[an] kaj 20[an] de ĉiu monato, kiel nun.

Ni esperas, ke niaj legantoj bonvolos simpatie akcepti tiujn diversajn ŝanĝojn kaj, dum la venonta jaro, daŭrigi al ni sian apogon, necesegan por la plenumo de nia agado.

ESPERANTO.

## Ĉiu fosu sian sulkon !

Ni ĉi tie publikigas la tradukon de artikolo de nia Komitatano Th. Rousseau. Ĝi unue aperis en la franca aldono, sed ĉar la demando traktita de li ankaŭ koncernas diverslandajn samideanojn ni opinias, ke la legado de la subaj linioj ne estos senutila al ili.

La statistiko farita laŭ la dokumentoj liveritaj de niaj Delegitoj mem montras, ke la nombro de la servoj faritaj al la Esperantianoj dum 1909 atingis 4.000. Se ni rememoras, ke je la monato julio de tiu unua jaro de sia ekzistado, U. E. A. havis nur 600 Delegitojn ke ĝiaj servoj estis ankoraŭ malbone konataj kaj malmulte da membroj precize sciis la manieron ilin uzi, ni devas antaŭvidi pli altan ciferon en la statistiko, kiun ni faros por la nuna jaro.

Sed ankoraŭ pli bonan rezultaton ni certe atingus, se la Esperantistoj bonvolus agi kun iom pli da *ordo* kaj *metodo*. Oni tro ofte ankoraŭ vidas samideanojn, kiuj, alveninte en iun urbon, tuj vizitas la prezidanton de la loka Esperantisa *grupo* por peti de li praktikajn informojn pri hoteloj, kunvenejoj, komercaj firmoj, ktp., anstataŭ sin turni al la *Delegito* de U. E. A., kiu estas difinita ĝuste por tio kaj alcentrigis ĉiujn necesajn informojn. Ofte ankaŭ, la grupaj prezidantoj aŭ sekretarioj, dezirante utili al nia afero konigas per cirkuleroj aŭ afiŝoj, ke ili estas pretaj liveri tiajn informojn, kaj tiamaniere, kun la plej bonaj intencoj helpas al tiu malordo.

Oni scias la maloportunaĵojn de tia procedo. Ekzistas multaj grupaj prezidantoj, kiuj estis elektitaj precipe pro sia konateco en la loko mem, sed kiuj aŭ malbone aŭ tute ne scias Esperanton ; tiuj samaj personoj, pro troaj okupoj, neniel havas la tempon akcepti trapasantajn Esperantistojn aŭ respondi iliajn leterojn. Ekzistas grupsekretarioj tre kompetentaj pri la lingvo Esperanto, sed tre malmulte pri komerco aŭ turismo. Por trovi ilian adreson oni devas trarigardi multajn malsamajn adresarojn ; kelkaj, kiuj estas bonegaj sekretarioj aperas sur neniu el ĉi tiuj eldonaĵoj, dum obstine restas la nomoj de personoj, montritaj kiel sekretarioj, kiuj forlasis Esperanton aŭ la urbon jam de multaj jaroj. ekzistas Esperantistoj kiuj postulas neeblajn servojn aŭ trouzas la komplezon de siaj samideanoj.

Ĉio tio estis jam de longe dirita kaj ĝuste por forigi la jus cititajn maloportunaĵojn estis kreitaj Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj kaj ankaŭ U. E. A. fiksis per regularo la servojn, kiujn ili ŝuldas al niaj membroj, sub la respondebleco de zorge elektitaj Delegitoj, kies adresoj aperas en Jarlibro regule kontrolata.

Certigi la bonan funkciadon de tiuj servoj, tia estas la takso de U. E. A., kaj se ni permesas al ni amike rememorigi la prezidantojn aŭ sekretariojn de grupoj pri tio, ni aliparte ne hezitus oficiale mallaŭdi Delegitojn, kiuj, en la urboj, kie ekzistas Esperantistaj grupoj, organizus oficiale organizus Esperanto-kursojn, en la nomo de U. E. A. Nia Asocio naskiĝis post la propagandaj societoj kaj post la plimulto de la Esperantistaj grupoj, kiuj jam de multaj jaroj fervore kaj sindoneme zorgis pri la diskonigo kaj instruado de la lingvo Esperanto. Tial, kiam U. E. A. instigas siajn membrojn al la ellernado de Esperanto, kiam ĝi instigas la publikon, ke ĝi lernu nian lingvon, ĝi ĉiam rekomendas, ke oni sin turnu al la lokaj grupoj aŭ al la diversaj ĉu naciaj ĉu internaciaj Esperanto-Institutoj, kiuj havas profesorojn, ekzamenojn kaj ofte riĉajn bibliotekojn. Tio memkompreneble neniel signifas, ke estas malpermesate al niaj Delegitoj instrui Esperanton, ne pli ol al la grupaj sekretarioj aŭ prezidantoj esti Delegitoj de U. E. A. Sed la Delegitoj, kiuj faras kursojn — kaj multaj el ili estas talentaj instruantoj — devas tion fari sub la aŭspicioj de la loka grupo, se estas.

Ĉiaokaze ni ĉiam konfirmiĝis al tiu neesprimita kontrakto kun la propagandaj organizaĵoj, nome fordoni al ili la taskon instrui Esperanton ; kaj se ni iam estas devigataj postuli de niaj membroj, de niaj Delegitoj aŭ de niaj Konsuloj ian ateston, pri ilia scio de la lingvo, al tiuj jam ekzistantaj organizaĵoj ni nin turnus.

Tamen, ŝajnas ke ni ne tro postulas, kiam ni deziras *reciprokecon*. Estus al ni agrable, se oni bonvolus rememori, ke la institucio de la konsuloj estis kreita laŭ la iniciato de nia komitatano A. Carles, kiu unua montris ĝian necesecon ĉe la Ĝeneva Kongreso, en 1906 ; ke la unuaj Esperanto-Oficejoj estis kreitaj de knnlaborantoj de *Esperanto*, nun ankaŭ komitatanoj de U. E. A., ke la ideo pri vojaĝstipendio estas ankaŭ ŝuldata al nia Asocio, kiu per donaco al la Burgonja Esperantista Federacio ebligis ĝian realiĝon. Se tiuj ideoj progresis, se oni trovis ilin bonajn, ni klare petas, ke oni komisiu ilian efektivigon al U. E. A. Ni deziras, ke al nia Asocio oni lasu la direktadon de la Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj. Kaj se grupoj prenas sur sin la interesan taskon eldoni gvidfoliojn aŭ gvidlibrojn, fondi vojaĝstipendiojn aŭ organizi ekskursojn — al kio ni ĉiam instigis ilin — ni amike petas, ke ili bonvolu tion fari sub la aŭspicioj de U. E. A., kiel la pli multaj faris. Ni ĝuste havas la devon ilin helpi en tiaj entreprenoj same kiel ili havas la devon instrui Esperanton al niaj estantaj aŭ estontaj membroj. Ĉiu fosu sian sulkon : nia afero certe profitos el tio.

Th. ROUSSEAU.

# SOCIA VIVO

## KOMERCO

### La Perigord'aj Trufoj

Tiu bonodora « subtera fungo » kreskas nur en iaj grundoj. Tamen ĉiuj legantoj de *Esperanto* kvankam lokitaj en ĉiuj anguloj de l'mondo, certe aŭdis pri tiu famega manĝaĵo, nigra perlo de l'festenegoj. Ĝi enhavas multe da diversaj virtoj, juĝitaj bone aŭ malbone laŭ la specialaj vidpunktoj de l'juĝantoj.

Aŭdante la nomon : *trufo*, meleagroj malruĝiĝas, pripensante rostaĵojn ; sed la naztruoj de la manĝeguloj tremetas kiel flugiloj, antaŭsentante bonguston, dum la sinjorinoj ridetas, ĉar trufoj, oni diras, enpenetrigas virajn korojn je admirinda afableco.

Ĉu tio estas vere? Mi ne povas certigi, sed tamen mi tion kredas. Tio estas kial la Perigord'anoj, ĉiam aspektas tiel afablaj.

Geologie la trufkulturado estas tre interesa kaj rimarkinda afero. Se ni prenas kiel ekzemplo Terrasson ; apud la rivero *Vézère* (Vezer') ni konstatas ke neniam kreskis nur eĉ unn trufo sur la dekstra bordo (valo aŭ montetoj). Tiuj-ci lastaj estas la finaj subleviĝoj de l'centra platajaro el granita deveno.

Kontraŭe, maldekstre, sur la kalkŝtonaj montetoj, lastaj disfaloj de la regiono dirita *Causse* (elparolu Kôs), en la Perigordaj ruĝaj sabloj, la trufo kreskas preskaŭ ĉie, kiam la plugebla tavolo, dika aŭ maldika, ne estas tute anstataŭita per ŝtonegoj, kaj, se proksime ekzistas la necesaj taŭgaj kreskaĵoj : kelkfoje avelujoj, sed precipe kverkoj (1).

Proverboj diras : sen arbo nenia trufo. Semu glandojn vi trufojn rikoltos.

Antaŭ ne longe, oni tute ne zorgis pri tio ; la « trufaj kverkoj » estis semitaj nur de Dio kaj de la birdoj. Iom post iom, la landanoj instruiĝis, kaj ankoraŭ instruiĝas. Pli kaj pli oni vidas sur nekulturaj kampoj, sur kiuj kreskis antaŭen vinberejoj — mortintaj kaj ne riparitaj — kverkaretajn plantaĵoj, kiuj iafoje liveras trufojn post kvin, ses, ok, dek jaroj..... Kompreneble, la kreskado de l'arbo, kaj sekve de la trufoj, pli rapidas kiam oni plantis en tero sufiĉe fosita ol kiam la juna arbo vivad...etas sufokata de la sovaĝaj herboj kaj dornarbetaĵoj.

Mi konas kverkplantaĵon faritan antaŭ ok jaroj. en mortanta vinberejo, ĉe kiu oni rikoltis jam en 1909-10 kelke da trufoj, « dikaj kiel pugno ».

La kverkoj ne « donas » ĉiuj samfrue ; kiam trufoj estas kreskontaj, *ĉiuj* kreskaĵoj (krom la lignaj) malaperas, iom post iom, kiel per fajro, ĉirkaŭe aŭ flanke de arbo. Oni tiam diras : « Tio bruliĝas, ni ne malfruos obteni trufojn.

Oni rikoltas de la fino de novembro ĝis marto, laŭ la mezuro kiel estas la matureco. Pri tio juĝas per sia nazo la porkino aŭ la hundo, kiujn oni instruis je tiu sporto. Hundoj estas uzataj precipe de ŝtelistoj, ĉar tiamaniere ili povas ŝteli facile, ŝajnante ĉasi, kaj ne perdi sian akompananton se ili estus devigataj forkuri, okaze se la bienulo, kolerigita, direktus pafilon alilia postaĵo. La saĝuloj kaj honestuloj uzas, por la serĉado, porkon, aŭ prefere porkinon. Ordinare oni elektas porkinon, ĉar porko ne liveranta profiton, krom sin mem, estas mortigota ĉiujare ; tio devigas lian mastron instrui senĉese junan posteulon, ĉiam mallertan en la komenco de ĝia lernado. Kontraŭe, porkino pliboniĝas pli kaj pli ĉar oni ĝin konservas tiel longe kiel ĝi bonvolas ĝui la patrinajn ĝojojn.

Ho ! Kia dolĉaĵo estas porkino bona ! Kiel diris poeto... de kiu mi forgesis la nomon ! Bone edukita la besto sekvas sian mastron sur la trufkamparo, kolo ĉirkaŭprenita per ledzono kun ringo ĉe kiu estas fiksita ŝnuro. Ĝi trapaŝas matenroson enspirante venteton ŝarĝatan je floraj elspiraĵoj ; — fermante iom la okulojn, ĝi iafoje ekĝemetas : Hu'n ! Hu'n !

Subite ĝi haltas, flaras fosetas grundon per nazo, kaj malantaŭeniras iom ; tiam rigardante sian kondukanton ŝajnas diri : « Nu ! mian rekompencon ! La trufo estos tie ! »

La trufserĉisto « pagas » per grenetaro da maizo kaj mallevante sin al la trufejo montrita, li malenterigas trufon (aŭ trufojn) per fingro aŭ speciala fera ileto. Poste... li daŭrigas...

Anstataŭ skui trufojn por forĵeti la troan teron kiu algluas kiam la vetero estas pluva, iuj trufistoj aldonas iom da ĝi por malaperigi la difektaĵojn, kaj malperfektaĵojn, kaj, samtempe obteni pli grandan pezon. La aĉetado okazas en *Terrasson* ĉiu jaŭde. Je tia tago dum vintro ne estas mirinde vidi sur la trufvendejo ĝis mil kvin cent kilogramoj da trufoj. La mastrumistinoj aĉetas detale por tuj kuirigi au pekli en ferlodaj skatoloj por ke oni povu konsumi ĉe ĉiu sezono.

Pogrande aĉetas makleristoj komisiitaj de deverslandaj komercistoj kiuj ofte miksas niajn produktaĵojn por bonodori nealtvalorajn eksterlandajn trufojn. Ĉio estas revendota ĉe la grandaj urboj sub nomo Perigord'aj trufoj trioble aŭ kvaroble pli altpreze ol sur la devenaj fojrkampoj.

La posedantoj de taŭgaj grundoj, en Francujo aŭ fremdlando, kiuj volas provi kreadon de trufoj per plantado de kverketoj, kiel ankaŭ la gustemuloj kiuj multe ŝatas niajn « nigrajn perlojn » havos grandanprofiton sin turnante rekte al la produktantoj.

M. Fleury de la Ruelle. (Del. Terrasson.)

(1) Unu el miaj amikoj S-ro de Bosredon famega aŭtor- trufkulturisto rokontis min ke, en la franca departemento *Indre* (Indr') oni malkovris grandan kvanton da trufoj proksime aleo plantita nur per betuloj.

## GEOGRAFIO

### La moroj de la Druzoj

Jen kelkaj detaloj pri tiu popolo ribelanta kontraŭ la konstitucio otomana kaj kiu nun estas kvazaŭ submetita, tial ke la militistaroj turkaj jam okupis la tutan regionon.

*Religio.* — La Druzoj kredas je la unueco de Dio, kreinto de l'universo kaj je l'metempsikozo aŭ anima transmigrado ; eroj, partetoj de Dio eniras en korpojn de sanktuloj kaj komunikus al ili parton de dia potenco. La korpoj estas ujoj, vestoj de spiritoj. Se dum la surtera vivo, la posedanto de tiu ujo bone kondutis kaj pie agis, li povos, post la morto, enkorpiĝi en alia homa estaĵo. Se li morale malbone vivis, li aliformiĝas kaj enkorpiĝas en estaĵoj malsuperaj. La sankta libro de l'Druzoj estas la Korano, libro de la mahometana religio. Sed anstataŭ tridek, ili fastas nur dek tagojn en la jaro kaj dum la dek noktoj, ambaŭ seksuloj preĝas en ermitejoj, kvazaŭ preĝejoj ; la nesciantoj tie restas tri horojn ĉiunokte, la instruituloj kaj piuloj ses horojn kaj la pastroj ĝis mateno. Oni povas distingi ilin unu de la alia per la kapvestoj kiuj estas malsamformaj laŭ la grupo al kiu la portanto apartenas. La fremduloj neniam rajtas eniri en tiujn ermitejojn ; gardistoj sin tenas ĉe la enirejoj por malhelpi ke ili eniru kaj observu ĉiujn enirontojn ; ĉiuj dogmoj estas manskribitaj en unu libro kiun neniam ili presigas por malhelpi ke fremdulo konu iliajn religiajn misterojn. La Druzoj rajtas plenumi ĉiajn aferojn malpermesitajn de la religia, se neniu estaĵo viva ilin vidas, sed, kiam estas viditaj eĉ de birdo, la ago malpermesita estas konsiderata kiel grava peko.

*Edziĝo.* — La Druzaj virinoj ne vualiĝas kaj ne sin kaŝas de la viroj kiel la mahometaninoj. Ĉu virgulinoj, ĉu nefraŭlinoj, ili povas malkovri la vizaĝon antaŭ la virseksuloj, se tiuj ĉi ne estas fremduloj apartenantaj al alia popolo.

Viro kiu intencas edziĝi, prenas kun si fruktojn aŭ aliajn manĝaĵojn kaj iras en domon de la fraŭlino, partoprenas en la manĝado, tio estas signo ke ili konsentas kaj akceptas la peton. La edziĝorompo estas permesata al la viroj, sed la eksedzinigita ne povas esti denove edzinigita de la sama viro. La virinoj ne povas heredi ; ĉiuj heredaĵoj lasitaj devas aparteni al viroj. La virinoj laboras pli multe ol la viroj, kulturas la teron, paŝtas la brutaron, ktp. Ili estas treege belaj, nigrokulaj, fajroflamaj, fortikaj, la sintenado kvazaŭ vireca kaj la rigardo deloga.

*Morto.* — La mortintoj ne estas kovrataj de mortotuko ; ili ne estas lavataj kaj oni entombigas ilin tute vestitaj. Sep tagojn post la morto, la parencoj prenas vestojn de l'mortinto kaj vestas per ili tabulon, tiamaniere ke ĝi similu la mortinto, kaj ploras rondirante ĉirkaŭe.

*Ĉiutagavivo.* — Ili vivas laŭ dividitaj gentoj vagantaj, malamantaj unu la alian sed tuj repaciĝantaj kaj interamikiĝantaj ĉe la apero de fremdaj malamikoj. La fideleco, la juro kaj la promesoj estas severe prizorgataj kaj la sento de solidareco estas tre forta inter ili. Kvankam ili parolas araban lingvon ili ne estas tamen samrasaj kaj samdevenaj kiel la Araboj.

Iliaj domoj estas simple meblitaj. Ili kutimas servi al la gastoj tason da kafon kaj trinkas samtempe kun ili. — Monon ili tre avidas.

Ili sin nutras precipe kun bulboj kaj farunaj pastoj, ili malŝatas la viandon kaj ĝin manĝas nur kiam ili havas gaston. Ili ne uzas narkotikojn, tabakon, kaj alkoholaĵojn, pro tio eble, iliaj korpoj estas fortikaj kaj sanaj. Ili sin vestas per larĝaj pantalonoj kaj surtutoj. La lando de l'Druzoj estas tre fruktodona. La greno kaj tritiko tie kulturita estas la plej bona en la mondo.

La Druzoj servos de nun kiel soldatoj en la armeo otomana ; lernejoj estos fondataj en ilia regiono kaj impostoj starigataj.

Jacques Guêrlos. (Aïdin).

## EKSPOZICIOJ

### Pripensoj pri la tutmonda ekspozicio (sekvo)

II.

Eniru la maŝinan fakon. Tie estas regno de l'ŝtala fabelo. Sorĉlando, kie miraklojn faras vaporo, elektro, forto de falanta akvo, vento. Maŝinoj ŝpinas, teksas, muelas, fandas literojn, presas, lumas, kantas, parolas, transportas parolojn skribatajn aŭ parolatajn.

Maŝinoj ĉirkaŭe bruadas, basfajfas, spirblovas. Moviĝas senfinaj rimenoj, laŭte, kvazaŭ bonguste, maĉadas piŝtoj, aperas kaj malaperas svingaj radoj. Oni ekmemoras porinfanajn fabelojn pri sorĉistoj aŭ bonaj feinoj, kiuj per sorĉaĵoj alvenigis spiritojn superterajn kaj subterajn, por ke ili faru bonaĵon al la homoj : konstruu palacojn, plantu ĝardenojn, rikoltu milojn da hektaroj da grenkampoj. Fabeloj okazas en reala vivo, okazas ne per sorĉaĵo, sed per la forto de l'homa racio.

Sur muraj kolonoj ĉie pendas portretoj de l'eltrovintoj, desegnaĵoj pri la unuaj maŝinoj kaj pri sinsekva historia evoluado de ĉiu maŝino Jen aparato por akiri fajron ĉe pratempaj popoloj, borilo kiun oni turnas en peco da ligno per mano aŭ per tordita ŝnuro. Plue oni vidas manmuelejon. militmaŝinon de l'aktikvaj popoloj, aparato de l'Aleksandriano Gerono por fermi kaj malfermi pordojn. Fine ekaperas la potenculo-sorĉisto la vaporo. La franca kuracisto kaj fizikisto Papin eltrovis vaporan kaldronon. Li eĉ faris vaporŝipeton kaj lasis ĝin veturi sur akvon. Lia ekprovo ŝipnavigi sen veloj kaj remiloj, same kiel la ekprovo de Palissy, ankaŭ estis konsiderata kiel frenezaĵo, kaj lia unua vaporŝipeto estis detruita. Apud la desegnita detruo de l'unua vaporŝipeto pendas desegnaĵo pri la unua vapormaŝino, konstruita de l'ferkomercisto Novkomeno kaj de la vitristo Kaŭly. Per ilia aparato valoran kaj spritan perfektigon faris la malgranda hejtisto, laboranta ĉe la maŝino.

Tiu ĉi difektita maŝino estis donita por esti riparita al mekanikisto James Wright. Li por la unua fojo vidis tiun mirindaĵon. Miregigita li dismetis ĝin, esploris bone kaj post kelkaj jaroj da laboro li faris sian bonege funkciantan vapormaŝinon. Al homoj venis helpi la potenca spirito de l'vaporo. Sed la vivo de l'homoj ne fariĝis pli facila pro tio. Ekspluatantoj kaj perfortemuloj, kiuj ĝis nun ekspluatadis la manlaboron de l'homo, nun alproprigis al si la tutan profiton, prezentatan de la maŝino. Wright mem diris maldolĉe : « la maŝino estas pli konscienca, ol la homoj ! Estas multe pli agrable interrilatiĝi kun ĝi, ol kun homoj ! »

Simpla laboristo — aŭtodidakto, poste inĝeniero Stefenson aplizis la eltrovaĵon de Wright. Aperis lokomotivo. Fervojoj ĉirkaŭzonis la tutan terglobon. Malriĉa laboristo Fulton eltrovis vaporŝipon. Post la vaporo oni elpensis, ke elektro povu fariĝi movilo. Maŝinoj eklaboris, ekkuris, eknaĝis, eĉ ekflugis...

La vizitantoj rigardas centojn da maŝinoj, kaj, videble, ilin ĉarmas beleco kaj poezio de cilindroj, piŝtoj, leviloj, rimenoj-Kaj mi tuj ekkomprenis la tutan valoron de l'kreadkapablo en la sfero de mekaniko...

Respektego min ekkaptis antaŭ la genio de l'homaro. Mi komprenis la frenezan entuziasmon de Arĥimedo, kiam li, eltrovinte en banejo la leĝon de specifa pezo, tute nuda elkuris eksteren, kriante :

« Eureka ! » (mi trovis !)

Sendube, kiu studas por la unua fojo la leĝon de spektra analizo aŭ la leĝon de Darvin pri origino de l'specoj, — tiu ankaŭ devas esti entuziasmigita. Entuziasmigita per beleco kaj inspirplena poezio de l'homa racio.

La regno de l'maŝinoj ne malpli multe ravas la vizitantojn de l'ekspozicio, kreskas kredo je pli bona estonteco. Maŝinoj nepre faciligos la jugon de l'laboro. La maŝinoj plisatigos la homon, pli bone vestigos lin. Mallongigante la interspacon, ili plilarĝigos la mondon, ĉirkaŭantan la ho-

mon. Ne gravaĵo, ke hodiaŭ la laboro per maŝinoj same kiel manlaboro donas profiton al kelkaj, kontraŭ la bono de l'plimulto. Tio estas trouzaĵo de l'ŝtala fabelo, pri rabo de l'homaro per apartaj homoj. La magiaj spiritoj de l'tero, de l'akvo, de l'ĉielo estas elvokitaj de l'homa genio por utili al la tuta homaro, kaj ilin alproprigis al si, malliberigis kelkaj privatuloj. Tiel estis kaj estas, sed tiel ne ĉiam estos! se oni trovis rimedon kontraŭ multaj malsanoj, oni nepre trovos rimedon kontraŭ socia malsano. Apud Roux, Pasteur, Meĉnikof en bakteriologio, laboraj aliaj scienculoj en la fako de l'lukto kun sociaj ulceroj, kun la lepro, malveraĵo kaj rabio de l'kapitalo kaj de la ekspluatado...

(Trad. F-no Mario Ŝidlovskaja.

## AERVETURADO

### La unua aviada internacia konkurso

Niaj legantoj scias pri la projekto, ellaborita de la franca gazeto *Le Journal*, de granda internacia aviada rondvojaĝo : Parizo, Berlino, Bruselo, Londono, Parizo. *Le Journal* donacis 80.000 Sm., la firmo Ullstein, el Berlino, 50.000 Sm. en la nomo de *Berliner Zeitung am mittag*, *Le Petit Bleu* el Bruselo, 10.000 Sm.

La unuaj detaloj pri la organizo ĵus estis fiksitaj. Laŭ la opinio de la meteorologoj, la monato junio estis elektita.

La forflugo okazus, el Parizo, dimanĉon la 4an de junio, kaj tiu giganta konkurso daŭrus ĝis la somera solstico, favora al la flugoj super la granda ebenaĵo de la Norda Eŭropo kaj al la duobla trapaso de Manĉo.

Post zorga diskutado oni ankaŭ pro diversaj kaŭzoj forlasis la sudon de Germanujo, kaj sekvos ĉe la iro kiel ĉe la reveno, la grandan ebenaĵon de l'Nordo, tra kiu jam pasis la granda aŭtomobilkurado Parizo-Berlinon.

La aviadistoj eliros de Francujo tra la valo de Meuse kaj Liège. Ili eniros Germanujon tra Aachen kaj flugos Berlinon tra Düsseldorf, Bielefeld, Hannover, Braunschweig kaj Magdeburg. En Berlino grandaj festoj estos organizataj dum du tagoj.

El Berlino la aviadistoj flugos tra la Elba valo ĝis Hamburgo, revenante tra Bremen, Oldenburg, Münster. Kœln, Oni nun pritraktas kun Nederlando por permesi la flugon laŭ la Rejna valo ĝis la nova aerodromo apud Rotterdam, je mallonga distanco de Amsterdam kaj Utrecht kaj de tie ili revenus Bruselon tra Antverpeno. El Bruselo oni atingus Calais kaj el tie Londonon tra Dover por reveni tra Folkestone kaj Boulogne-sur-Mer.

La vojaĝplano kiel eble plej evitas la montojn, kaj la plej malfacila estos apud Liège kaj Spa. Male, la grandaj urboj estos facile atingeblaj, ĉar la aerodromoj ĝenerale troviĝas ekster la centro de l'urboj.

La plena regularo estos ellaborata de sportistoj kaj de la interesatoj mem en decembro. Ĉio antaŭmontras grandan sukceson de tiu epokfaronta manifestado.

## IDEOJ & FAKTOJ

### La ĥina Parlamento

En lasta tempo en Ĥinlando senĉese oni faras propagandon pri enkondukado de konstitucio. La Pekin'a registaro per dekreto de 19 aŭgusto 1908 anoncis, ke konstitucio estos enkondukota en 1916. Ĝis do la enkonduko de konstitucio, la registaro ordonis al la provincestroj kaj guberniestroj organizi en siaj provincoj tiel nomitajn, « provincajn komitatojn » aŭ provincajn konsilejojn por kutimigi la loĝantaron kaj oficistaron al konstitucia reĝimo. Ĉi tiuj komitatoj estis organizitaj en plimulto de provincoj ; organizado de tiuj komitatoj en diversaj provincoj estas malsama : en kelkaj oni elektadis komitatanojn, en aliaj provincestroj arbitre difinas komitatanojn el eminentaj ĥinoj. Tiuj komitatoj havis kompetentecon en financaj aferoj de provinco, sed iliaj decidoj ne estis devigaj por provincestroj.

La registaro, doninte promeson pri enkondukado de reformoj de registara reĝimo, paŝo post paŝo efektiviĝis kelkajn el siaj promesoj ; jenaj reformoj estis efektivigitaj : enkonduko de malalta kaj meza lernado, elklarigo de provincaj, ministrejaj kaj tutregnaj en-kaj elspezoj, enkonduko de provinca, urba kaj kampara memregado.

Fine, la 20 septembro estis malfermita la unua kunsido, de la ĥina parlamento aŭ konstitucia ĉambro, tiel nomita *Czy-Ĉenj-juanj*. La vorto Czy-Ĝenj-juanj en traduko signifas. Helpanta Ĉambro por regado. Tiu ĉi konstitucia institucio estas leĝkonsilanta parlamento, kies decidoj ne estas devigaj por registaro. En 1916 tiu ĉi parlamenta ĉambro estos reformata en supran ĉambron de ĥina leĝdonanta parlamento.

La nuna leĝkonsilanta ĉambro konsistas el 262 deputitoj, el kiuj 96 estas difinitaj de reĝo, 66 elektitaj inter oficistoj kaj la ceteraj estas elektitaj de provincaj komitatoj. La parlamento povas priĵuĝi regnan buĝeton, impostojn, regnajn pruntojn kaj novajn leĝprojektojn, krom koncernantajn al konstitucia reĝimo.

La statuto de la ĥina parlamento estis publikigita la 30 junio 1909 kaj malfermo de unua ĝia kunsido laŭ dekreto de 14 aŭgusto 1908 fiksita je la 20 septembro 1910.

En komenco de septembro de tiu ĉi jaro en ĉiuj provincoj estis finitaj la balotoj de membroj de provincaj landaj komitatoj (Czy-i-czjuj) kaj laŭ aliaj kurioj, estis ankaŭ difinitaj la membroj de registaro. La 11 septembro en Pekin'o ĉeestis la plimulto de la parlamentanoj. En tiu ĉi tago okazis la unua antaŭapera kunsido. En tiu ĉi kaj en la sekvintaj kunsidoj estis ellaboritaj la ceremonialo de malfermo, distribuo de membroj laŭ komisionoj kaj verkita instrukcio por kondukado de kunsidoj.

Je la naŭa matene de 20 septembro, la membroj de l'parlemento, vestitaj en nigraj longaj vestoj, kunvenis en la alta jurista lernejo. Post enskribiĝo de siaj nomoj kaj adresoj la parlamentanoj prezentis en sekretaria fako siajn rajtigojn pri elekto kaj ricevis membrokartojn. Al ĉiuj membroj estis donitaj arĝentaj medaloj kun du hieroglifoj, ĉirkaŭitaj per drakoj. Medaloj estis pendigitaj je rubandoj ruĝaj por membroj elektitaj, bluaj por difinitaj de registaro kaj verdaj por sekretarioj. Ĉirkaŭ la 11a horo, laŭ sonoro, la membroj ĉeestis en salono, faris 9 tergenufleksojn antaŭ la neokupita trono de l'imperiestro kaj okupis siajn lokojn en la atendo de l'alveno de Princo Reĝanto. Prezidanto tralegis la distribuon de l'membroj laŭ ĉiu ella ses komisionoj. Je la dekdua ĉeestis Princo-Reĝanto. Li eniris en apartan ĉambron, kie li akceptis la parlamentanojn, post akceptado li eniris en la ĉefsalonon, kie sidinte, apud la trono li aŭskultis la tronan paroladon kaj mem turnis sin kun parolado al la elektitaj membroj de l'parlamento.

La tronan paroladon je nomo de imperiestro tralegis kaduka princo Ĉin ; en tiu ĉi parolado estis mallonge dirita, ke por la plenumo de la volo de mortintaj geimperiestroj la nuna imperiestro malfermas en difinita tago la unuan kunsidon de konstitucia parlamento, kiu servas kiel fundamento de estonta supra ĉambro de parlamento, fondota en difinita tempo. La imperiestro rejesas nesanĝeblecon de promesoj de sia antaŭulo efektivigi la konstituciajn reformojn en difinita tempo kaj alvokas la membrojn kun ĉia peno rilati bonkonscience al la plemuno de la diskutotaj problemoj, esti esprimiloj de la voĉo popola, alvokila al helpo al registaro por la bono de l'regno.

Post la trona parolado, Princo-Reĝanto, en malmultaj vortoj gratulis pri la efektivigo de fundamento de estonta parlamento. Je tiu parolado respondis la prezidonto de ĉambro princo Pu-lunj, kiu dankis pro la afabla atento al popolaj reprezentantoj, kaj esprimis kredon, ke de nun la feliĉo de l'popolo estos garantiita.

Per nova ceremonia naŭfoja genuflekso la kunsido estis malfermita.

Nuntempe la konstitucia ĉambro unue priĵuĝis, kiel plej alta instanco, konflikton de unu guberniestro kun provinca komitato. La komitato de provinco Gueny-si fiksis templimon por fermo de opiaj vendejoj kaj fumejoj en nuna jaro ; la guberniestro pligrandigis la templimon kaj prokrastis la plenumon de l'decido. La komitato faris proteston kaj eksiĝis. La Parlamento ekvidis en la agoj de l'guberniestro rompojn de kompetentaĵoj de komitato kaj decidis, proponi al la guberniestro, ke li ne miksu sin en decidojn de komitato en afero de batalado kontraŭ la fumado de opio, kaj al komitatanoj, ke ili revenu.

Tiaj estas la unuaj paŝoj de la ĥina parlamentarismo.

F. Potorocin (Ĥarbin).

### La kostoj de la militŝiparoj

La amikoj de komuna paca interkonsento de la nacioj vidas kun ĉagreno, ke malgraŭ fortaj klopodoj de sciencaj kaj politikaj eminentuloj la grandpotencaj nacioj daŭras fortigi siajn terajn kaj marajn armilarojn. La fortulo vivadas en la malfeliĉa ideaĉo, ke alia fortulo eble povos havi la deziregaĉon minaci la posedaĵon de la alia. Dume li mem ĵure asertas, ke li ne havas nepre tian intencon, li tamen malkonfidas la verecon de la najbaraj pacemaj asertoj, ĉiu grandpotenculo pretendas, ke li nur armiĝas pro protekto kontraŭ malamikoj kaj tial kun ĵaluzo observas la militajn progresojn de la najbaro, celante, se eble, tuj superi ilin. Tio estas la kaŭzo por la ĉiama kreskado de la elspezoj de la popoloj por la ja nur en revo necesa defendo de la naciaj posedaĵoj.

La sumoj malŝparitaj por tiu ĉi senbena celo estas surprizegaj kaj montras la abismon al kiu la nacioj en blinda fervoro kuregadas. La ŝarĝoj almetitaj al la nacioj per la armiĝo kreskanta, tiu sencerba vetbatalado, estas tiel grandaj, ke ili forprenas la grandan parton de la fruktoj de la labrema homaro kaj eĉ minacas detrui la kulturon mem. Ni vidu la sumojn elspezitajn por armiloj laŭ la paroloj de la brita kanceliero Lloyd George : En Britujo ili atingis antaŭ 20 jaroj la altecon de tri cent milion S-m., hodiaŭ jam estas sep cent milion Sm.

La landoj de la tuta tero elspezas jare 4500 milion Sm. tiucele.

Ni komparu la elspezojn por la militŝiparoj de la diversaj ŝtatoj.

| | 1899-1900 | 1910-11 | Plimultiĝo |
|---|---|---|---|
| | en milion Sm. | | procenta |
| Britujo, | 270 | 410 | 51 % |
| Usono, | 110 | 270 | 145 — |
| Germanujo, | 66 | 216 | 242 — |
| Francujo, | 122 | 148 | 21 — |
| Rusujo, | 92 | 100 | 9 — |
| Japanujo, | 56 | 79 | 41 — |
| Italujo, | 48 | 69 | 44 — |
| Aŭstrujo, | 15 | 40 | 168 — |

Ĉu ni povas esperi, ke tiu ĉi terura vetkurado ĉesos en proksima estonteco? Bedaŭrinde ne, ĉar eĉ malgrandaj nacioj nun jaĝas necese havi kirasŝipegojn. La prezo de tia monstro estis antaŭ 5 jaroj 18 milion Sm., hodiaŭ jam 24 milion Sm. Ne mankas la ebleco al la teknikistoj konstrui kolosojn ankoraŭ pli terurajn. Kaj unu sola eksplodilo povas senvalorigi tiun sumegon de spiritaj kaj laboroj fortoj nun dediĉitaj al nekultura celo.

Amikoj de l'paco, estu viglaj! Esperantistoj, pripensu, ke per la plirapidigo de la divastigo de nia homara afero la interkompreniĝo de la popoloj kreskos kaj tiamaniere malkreskos la neceseco de la teruraj mortigiloj kaj detruiloj! La prosperego de Esperanto redonos neŝateblajn fortojn al kulturaj laboroj. Ni nepre devas venki la malamikojn de la kultura progreso.

W. A. Vogler (Del. Hamburg).

### Por havi lernejon

La plej notinda el la lastaj okazintaĵoj en Hispanujo, ne estas la timo de la estraro dum la portugala Revolucio, nek la jus voĉdonita leĝo de la « bandado » (penda seruro) por limigi la kreskon de la monaĥaj korporacioj, en espero de leĝo pri Asocioj nek la ĝojo, kiun tiu leĝo produktis en en Romo ; nek la strikoj de Ferrol, Bilbao, Zaragoza, Barcelona, Sabadell, k. t. p. ; nek la elmigrado de Galico, kun nepriskribeblaj scenoj de malĝojo kaj mizero ; ĝi ankaŭ ne estas la nova buĝeto, kiu ŝveliĝas kiel siaj kunuloj de la « plej civilizitaj landoj », kun la sankta celo perfektigi la militrimedojn, civilizi la marokajn kabilojn, kaj unuvorte fari la feliĉon de la hispanoj ; nek la forigo de la konsumimpostoj, voĉdonita de la madridaj urbkonsilantoj, sed malakceptita de la estraro, tial ke la ĉefa afero por la Madridanoj ne estas vivi, sed pagi.

Ĉu ĝi estas la brufarinta parolado de l'Rektoro de la Salamanka Universitato, predikanta kontraŭ la internaciismo ? Pli grava estas tiu de Ramiro Maeztu, juna talentplena publicisto, kontraŭ la sentaŭgaj dandoj, kiujn li alvokas al kunagado kun la laboristoj : tiuj ekzercu siajn cerbojn, por pretigi laboron al tiuj ĉi.

Al ĉio superas, kio okazas en « Torre del Mar », malgranda vilaĝo je 24 kilom. de Malaga, ĉe la bordo de Mezamaro, pura, ĝojaspekta sub luma ĉielo, sed *sen lernejo*, spite la senĉesaj petegoj de ĝiaj 3000 loĝantoj. Perdinte ĉian esperon, ili kunvenis, kaj decidi *ne fumi*, por pagi lernejestron per la ŝparota mono. La unuan monaton la produkto estis 90 pesetoj, tio respondas al jarpago da 400 Sm. ; per tiu monsumo, en Torre del Mar, lernejestro povus vivi, kaj eĉ fumi ! Eble la Ministro de Publika Instruado trovos la arangon ŝpariga, sed lia kolego de Financoj certe ne samopinios ; ĉar la Torreanoj estis en tio ĉi ne nur kulturaj homoj, herooj venkantaj sin mem ; ili ankaŭ estis lertaj kaj spritaj : efektive, la tabako estas unu el la plej fruktodonaj rentoj de la Ŝtato.

Jen bona ekzemplo por tiuj, kiuj ne havas monon... por Esperanto. Al tiuj imitindaj bravaj vilaĝanoj ni sendu sinceran aplaŭdon, kaj ni simpatie memoru pri Torre del Mar, malgranda, pura, ĝojaspekta sub luma ĉielo, kaj *kun lernejo*.., per la tabako !

P. Linarès (Del. Cordoba).

### Internacia Ligo de l'Pura Nutraĵo

Tiu ĉi juna societo, ĵus enskribita kiel Esperantia entrepreno, respondas al universala bezono pli kaj pli urĝe sentata : scii, kion oni manĝas kaj trinkas, eviti venenigadon eĉ per substancoj permesataj de la leĝoj. Oni memoras, ke la unua internacia kongreso por haltigo de la trompoj pri nutraĵoj okazis en Ĝenevo, dum Septembro antaŭ du jaroj : ĝi donis pri ĉiu manĝaĵo kaj trinkaĵo difinon akurate precizan. Sed en dua kongreso (Parizo, Oktobre 1909) industriistoj jam bedaŭrantaj sian tro sinceran verkon permesis, sub titolo « regulaj procedoj », ne montrotaj al la aĉetantoj, ĉiuspecajn falsojn : ekzemple aldonon de faba faruno al la tritiko, mikson de koloriloj, acidoj, antisepsaĵoj en kukoj, konfitaĵoj aŭ konservaĵoj.

Tiam naskiĝis la Ligo de la Pura Nutraĵo, samtempe de necesa zorgo por la homa sano, kaj de honesteca protesto kontraŭ la ruza preteksto, laŭ kiu gajnavidaj komercistoj pretendis, ke la publiko ne devas, se nur ĝi ne estas evidente venenata, koni la konsiston kaj preparon de l'aĉetataj nutraĵoj.

Ekzistas ja en multaj landoj leĝoj punantaj kaj haltigontaj la falsojn ; sed ili ĉiam maltaŭge aplikiĝis : ili punas podetalajn komercistojn pro sensignifaj neregulaĵoj, forgeso de etiketoj, aŭ vendoficistojn ekzamenitajn sur la strato, dum la fabrikistoj mem, ekzemple laktoproduktistaj firmoj, neniam kondamniĝas : ili nenion haltigis : oficialaj statistikistoj eĉ konsideras kiel progreson la plimultiĝon de l'kondamnoj !

Tial la Ligo procedas tute alimaniere : ĝi sin turnas ne al la registaroj, sed rekte al la konsumantoj kaj al la honestaj kaj bonvolaj produktistoj. Per tia rimedo en New-York la loĝantaro gvidita de privata komitato, konsistanta el sciencistoj kaj sindonuloj, estis jam sukcesinta ricevi puran lakton. Do la Ligo uzas nur unu ilon, la « Labelon », tio estas propra registrita marko, societa etikedo, rezervata al produktaĵoj, kies fabrikantoj kontrakte konsentis ekzameniĝi en la fabrikejo mem, ĉie ajn, ĉiam ajn, de la delegitoj de la Ligo ; la podetalaj vendistoj promesas nur, se nutraĵo ĉe ili ekzamenita estos pruvata kiel falsa laŭ la anoncita titolo, juĝe ataki la fabrikinton ; restas al la konsumantoj la zorgo nepre postuli nur produktaĵojn montritajn per la labelo.

Oni tie ne parolu pri la nekompetenteco de la granda publiko pri konsisto kaj preparo de l'nutraĵoj : simplaj estas la difinoj, kaj la komuna prudento tute sufiĉas pri tio : kafo estas kafo, ne cikoriaĵo ; frukta sukeraĵo ne riceviĝas per kunmeto de kemiaĵoj ; vino naskiĝas de vinbero sen gipso, sen sulfuracidoj. Kaj per la monata ĵurnalo (nune nur france redaktata, sed Esperanto, kiel diras la francoj, ne estas farita por la hundoj), kaj per la agado mem entreprenita de la Ligo, la konsumantoj edukiĝos.

La jara kotizaĵo por individuoj aŭ societoj estas $ 2 ; membroj de aliĝintaj societoj pagas nur po 40 Sd. ; ĉiu ricevas la ĵurnalon, kies abono sen aliĝo kostas 80 Sd. Jam aniĝis, precipe en Francujo, multaj eminentuloj, kuracistoj, farmaciistoj, multaj kooperativaj societoj, la potenca Turing-klubo, ankaŭ multaj personoj nur inteligente serĉantaj sian plej fundamentan utilon, la defendon de sia sano kaj vivo. Formiĝis lokaj grupoj ; tiu en urbo Le Mans tuj per simpla prezento akceptigis de laktovendistoj kaj postuligis de l'plimulto de l'aĉetantoj la garantian labelon.

La oficeja adreso estas : Ligue Internationale de l'Aliment Pur, 5, rue Grétry, Paris. Por la korespondo en Esperanto, sin turni provizore al S-ro Deshays, Sens, Francujo.

R. Deshays, (Del. Sens).

### Pri la reformo de l'Kalendaro

La demando pri la reformo de l'Kalendaro ĵus faris novan progreson. Efektive, ni eksciis de S-ro Grosclaude, la elpensinto de la ĉefa projekto, kaj, laŭ oficiala konfirmo de la gazetaro, ke la Svisa federala Konsilantaro decidis iniciati la kunvokon de Internacia Konferenco, kies celo estos la reformo de la Gregoria Kalendaro, kiu prezentas la maloportunaĵon okazigi la feriajn festojn je malsamaj datoj ĉiujare. La Vatikano, konsultite, estus favora je tiu reformo. La reformo diskutota estos bazata laŭ la projekto de l'Ĝenevano Grosclaude projekto jam elmetita ĉi-tie kaj, kiel oni scias, rekomendita de la 1-a Kongreso de U. E. A.

Oni povas do esperi, ke baldaŭ tiu grava demando estos sur la vojo al realiĝo. En la okazo se la Svisa registaro ne estus preninta sur sin tiun iniciaton, la Nederlanda registaro estis kaj ankoraŭ estas preta kunvoki konferencon por la nomita celo.

## Homara Dataro

2. 1805. — Venko de Napoleono Ia ĉe Aŭsterlitz.

1852. — Ludoviko Napoleono proklamas sin imperiestro de la Francoj.

3. 1840. — Naskiĝas en Limoges Julio Claretie, roman kaj dram-verkisto kaj historiisto.

4. 1642. — Mortas kardinalo Richelieu ; kardinalo Mazarino lin anstataŭas.

1797. — Mortas fizikisto Luizo Galvalni eltrovinto de la elektra fluaĵo.

1891. — Mortas en Parizo Dom Pedro eksimperiestro de Brazilujo.

5. 1513. — Paca traktato de Blois inter Hispanujo kaj Francujo.

1870. — Mortas Aleksandro Dumas, patro.

6. 1492. — Kristoforo Colombo elŝipiĝas en insulon Sta Domingo.

1724. — Pragmatika Sankcio kiu certigas al Mario Ferero, filino de Carlo VI, la tronan heredaĵon de Aŭstrio.

1882. — Mortas Louis Blanc.

7. 1894. — Mortas inĝeniero Ferdinando Lesseps.

8. 1741. — Mortas Vitus Bering, dana esploristo kiu en 1728 malkovris la samnoman markolon.

1812. — Naskiĝas en Krikné la norvega romanisto kaj dramverkisto Bjœrnson Bjœrnstjerne.

1903. — Mortas en Brighton filozofo Herberto Spencer.

9. 1674. — Mortas predikisto Frato Paŭlo Segneri.

1641. — Mortas pentristo Antono Van Dick.

10. 1508. — Interkonsento de Cambray inter Maksimiliano Ia imperiestro, Luizo XII franca reĝo, papo Julio II kaj Ferdinando Katolika, kontraŭ la Venecia respubliko.

1520. — Lutero bruligas la papan brevon de Leono X per kiu li estis ekskomunikita.

1896. — Mortas Alfredo Nobel elpensinto de la dinamito.

11. 1283. — Mortas Miĥelo Paleologo orienta imperiestro.

1513. — Mortas en Sieno pentristo Bernardino Betti nomita « Pinturicchio ».

1810. — Naskiĝas en Parizo, Alfredo de Musset, fama poeto.

1803. — Naskiĝas en La Côte Saint-André, komponisto Hektoro Berlioz.

1494. — Mortas poeto Mateo Bolardo verkinto de poemo « Enamiĝita Orlando ».

12. 1728. — Naskiĝas en Milano Petro Verri historiisto kaj ekonomiisto.

1714. — La sankta oficejo kondamnas la komentarion de Bay'e.

1889. — Mortas glora poeto Roberto Browning el Londono.

13. 1440. — Mortas Nikolo Donato restariginto de la skulptarto.

1545. — Malfermo de la kunsido en Trento.

1729. — Mortas materialisto Antono Colins.

14. 1547. — Naskiĝas en Knudstrup sveda astronomiisto Tycho Brahe.

1799. — Mortas la fama prezidinto de Usono, Georgo Washington.

1894. — Mortas en Romo Bernabita monaĥo Francisko Denza, meteorologiisto.

15. 1859. — Naskiĝas en Bjelostoko (Grodno) Lazaro Ludoviko Zamenhof, elpensinto de Esperanto.

A. Tellini.

## La Faktoj

*30 oktobro.* — Madrid. — Mortas duko Kristobal Colon de Veragua, posteulo de Kristoforo Kolombo, eksministro de Hispanujo.

*1a Novembro.* — Parizo. — Ministro Briand prezentas al Prezidanto Fallières sian eksiĝon.

2. Parizo. — Fallières komisias Briand restarigi Ministraron.

3. Nov-Yorko. — Memmortigo de S-ro Jones, posedanto de la gazeto *New-York Times*.

4. Postdam. — Renkonto de Caro Nikolo IIa kun imperiestro Wilhelmo IIa el Germanujo.

Londono. — Aerveturanto Willows provas la karadon de Londono al Parizo per sia direktebla « Urbo Cardiff ».

Lisbono. — Oni decidas tujan aplikon de la leĝo pri la eksedziĝo en Portugalujo.

5. Milano. — Inaŭguro de busto al dramverkisto Jeronim Rovetta, en teatro « Manzoni ».

7. Bruselo. — Inaŭguro de la kunsidoj de la Deputataro kun alparolado de la reĝo.

8. Parizo. — Ministro Briand prezentas al la deputataro la novan ministraron.

9. Modeno. — Inaŭguro de XXa katolika kongreso.

11. Lisbono. — Anglujo rekonas la Portugalan respublikon.

FELIETONO DE « ESPERANTO »

2

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 16-an de junio.

Kial mi ne skribas al vi ? — Ĉu vi tion demandas kaj tamen estas unu el la scienculoj? Diveni vi devus ke mi fartas bone kaj — resume, mi faris al mi konatulon kiu plie koncernas mian koron. Mi ek... mi ne scias.

Rakonti orde al vi, kiamaniere okazis, ke mi konatiĝis kun unu el la plej amindaj kreitaĵoj, estos malfacile. Mi estas gaja kaj feliĉa, kaj sekve ne bona historiisto.

Anĝelon ! — Fi, tion diras ĉiu pri la sia, ĉu ne ? Kaj tamen mi ne scias diri al vi, kiel perfekta ŝi estas, kial ŝi estas perfekta; sufiĉe, ŝi ekkaptis ĉiun mian senton.

Tiom da simpleco kun tiom da prudento, tiom da boneco kun tiom da firmeco, kaj la kvieteco de l'animo kun la vera vivo kaj la agemo.

Ĉio tio estas malbela babilaĵo, kion ĵus mi diris pri ŝi, mizeraj abstraktaĵoj, kiuj ne esprimas eĉ unu trajton de ŝia memo. Aliafoje — ne, ne alian fojon, tuj nun mi volas ĝin rakonti. Se nun mi ne faras ĝin, neniam okazus. Ĉar, inter ni, de kiam mi ekskribis, trifoje jam mi estis formetanta la plumon, seliganta mian ĉevalon por elrajdi. Kaj tamen hodiaŭ matene mi ĵuris al mi, ke mi ne rajdos, kaj tamen ĉiumomente iras al la fenestro por vidi, kiel alte staras la suno...

Mi ne povis deteniĝi, mi devis viziti ŝin. Jen mi revenis, Vilhelmo, volas vespermanĝi mian buterpanon kaj skribi al vi. Kia ĝojego ĝi estas por mia animo, vidi ŝin meze de la karaj, viglaj infanoj, ŝiaj ok gefratoj ! —

Se mi daŭrigos tiele, vi fine scios tiom, kiom komence. Aŭskultu do, mi devigos min rakonti detale.

Antaŭ nelonge mi skribis al vi, ke mi koniĝis kun la prefekto Z..., kaj ke li petis, ke baldaŭ mi vizitu lin en lia ermitejo aŭ pli bone en lia malgranda reĝolando. Mi forgesis ĝin kaj neniam eble estus veninta tien, se la hazardo ne estus al mi malkovrinta la trezoron, kaŝitan en dezerta regiono.

Niaj gejunuloj aranĝis balon sur la kamparo, je kiu mi min trovis inklina. Mi proponis mian manon al ĉi-tiea bona, bela, cetere negrava knabino, kaj ni decidis, ke mi luos kaleŝon, veturos kun mia dancontino kaj ŝia kuzino al la amuzejo kaj kunprenos survoje Ĥarloton Z... — « Vi koniĝos kun bela fraŭlino, diris mia kunulino, kiam ni veturis ĉasdomon tra la vasta, bele maldensigita arbaro « Gardu vin » diris la kuzino, « ke vi ne enamiĝu ! » — « Kial ? » mi demandis. — « Ŝi jam fianĉiniĝis », ŝi respondis, » kun tre honesta viro, kiu forvojaĝis por ordigi siajn aferojn, ĉar lia patro mortis, kaj por aspiri ŝatatan oficon. » La komunikaĵo por mi estis sufiĉe indiferenta.

La suno estis ankoraŭ kvaronhoron de la montaro, kiam ni alvenis al la korta pordego. Estis tre sufoke, kaj la sinjorinoj esprimis sian timon pro fulmotondro, kiu ŝajnis formiĝi en grizetaj, malsekaj nubetoj ĉirkaŭ la horizonto. Mi trompis ilian timon per laŭdira kono de la vetero, kvankam mi mem konjektis, ke nia amuzo estos malhelpata.

Mi eliris kaj servistino, venante al la pordego, petis, ke ni bonvolu atendi momenton ; fraŭlino Ĥanjo venos tuj. Mi iris tra la korto al la bone konstruita domo, kaj, suprenirinte la ŝtuparon kaj enirinte, mi ekvidis la plej ĉarman spektaklon, kiun mi iam rigardis. En la antaŭĉambro svarmis ses infanoj, de dekunu ĝis du jaroj, ĉirkaŭ knabino de bela staturo, meza grandeco, kiu portis simplan blankan veston kun ruĝetaj bantoj ĉe brako kaj brusto. — Ŝi tenis nigran panon kaj detranĉis al ĉiu de siaj malgranduloj ĉirkaŭe peĉon konforme al aĝo kaj apetito, donis ĝin kun tia afableco, kaj ĉiu vokis tiel senafekte : Dankon !, etendinte la manetojn longan tempon antaŭ ol ĝi estis detranĉita kaj nun aŭ gaje forsaltetis kun sia vesperpano aŭ kontente foriris laŭ sia pli kvieta karaktero al la kortpordego, por vidi la gefremdulojn kaj la kaleŝon, per kiu forveturus Ĥanjo. — « Mi petas pardonon », ŝi diris, » ke mi envenigis vin kaj atendigas la sinjorinojn. Pro la vestado kaj kelkaj komisioj por la mastraĵo dum mia forestado mi forgesis doni la vesperpanon al miaj infanoj, kaj ili volas havi panon de neniu escepte de mi. — Mi diris al ŝi negravan komplimenton ; mia tuta animo estis fiksita sur la staturo, la voĉo, la sintenado, kaj mi apenaŭ havis tempon por liberiĝi de la surprizeco, kiam ŝi kuris en la ĉambron por preni siajn gantojn kaj sian ventumilon. La malgranduloj timeme rigardis min de malproksime, kaj mi aliris al la plej juna, kiu estis infano de la plej feliĉa fizionomio. Ĝi foriĝis, kiam ĵus Ĥanjo, elvenante el sia ĉambro, diris : « Ludoviko, donu la manon al S-ro Kuzo. » Tion la knabo faris tre senĝene, kaj mi ne povis deteniĝi kisi lin kore malgraŭ lia malgranda finazeto — « Kuzo ? » mi diris donante al ŝi la manon, « ĉu vi kredas, ke mi estas inda je la feliĉo esti via parenco ? » — « Ho », ŝi diris kun senpripensa rideto, « nia gekuzeco estas tre malproksima, kaj mi bedaŭrus ĝin, se vi estus la plej malbona intere » — Forirante ŝi komisiis Sofion, sian plej maljunan fratinon, knabinon ĉirkaŭe dekunujaran, ke ŝi bone gardu la infanojn kaj salutu la patron, kiam li revenos hejmen de promena rajdo. Al la malgranduloj ŝi diris, ke ili obeu sian fratinon Sofion, kvazaŭ ŝi mem ĉeestus, kion do kelkaj speciale promesis. Malgranda, scivolema blondulino sesjara ĉirkaŭe diris : « Tamen ĝi ne estas vi, Ĥanjo ; kaj vin ni amas pli multe. » — La du plej aĝaj knaboj suprenrampis malantaŭe sur la fiakron, kaj je mia peto ŝi permesis al ili kunveturi ĝis la arbaro, se ili promesos ne inciteti unu la alian kaj bone sin teni.

Apenaŭ ni sidiĝis konvene, la sinjorinoj salutis sin reciproke, faris rimarkojn pri la vestoj, precipe pri la ĉapeloj kaj severe kritikis la personojn partoprenontajn, kiam Ĥanjo igis la fiakriston halti kaj siajn fratojn deiri, kiuj deziris kisi ankoraŭ fojon ŝian manon, kion la plej aĝo faris kun tiu delikateco propra al aĝa de dekkvin jaroj, la alia energie kaj facilanime. Unu fojon ankoraŭ ŝi salutigis la malgrandulojn, tiam ni daŭrigis nian vojon.

La kuzino demandis, ĉu ŝi tralegis la libron antaŭ nelonge senditan, « Ne », diris Ĥanjo, « ĝi ne plaĉas al mi ; vi povas ĝin repreni. La antaŭa ankaŭ ne estis pli bona ». — Mi miris, kiam mi demandis, kiaj libroj estis, kaj ŝi respondis al mi : — Mi trovis tiom da karaktero en ĉio, kion ŝi parolis, je ĉiu parolo mi vidis eliri novajn ĉarmojn, novajn radiojn de l'animo el ŝiaj trajtoj, kiuj ŝajnis plijuniĝi, ĉar ŝi sentis sin komprenata de mi.

« Estante pli juna », ŝi diris, « nenion mi amis pli ol romanojn. Dio scias, kiel feliĉa mi estis, kiam dimanĉe mi povis sidiĝi en iu angulo kaj tutkore travivi kun iu *Miss Jenny* la feliĉon kaj la malfeliĉon. Mi ankaŭ ne malkonfesas, ke tiu speco ankaŭ allogas min. Sed ĉar mi maloftege havas tempon por legi, la libro nepre devas esti laŭ mia gusto. Kaj tiu aŭtoro estas al mi la plej kara, je kiu mi trovas mian mondon, kie ĉio okazas kiel ĉirkaŭ mi, kaj kies rakonto tamen fariĝas al mi tiel interesa kaj kora, kiel mia propra hejma vivado, kiu ne estas paradizo, sed tamen fonto de nedirebla feliĉegeco. »

Mi penis kaŝi miajn emociojn ĉe tiuj paroloj. Sed tio ne daŭris longan tempon ; ĉar, aŭdante ŝin parolantan kun tia vereco pri la kampara pastro de *Wakefield*, pri, — mi ekestis tute ekster mi, diris al ŝi ĉion, kion mi sciis, kaj rimarkis nur post kelka tempo, kiam Ĥanjo direktis la parolon al la ceteraj, ke tiuj-ĉi estis sidintaj tiun-ĉi tempon kun malfermitaj okuloj, kvazaŭ ili ne ĉeestus. La kuzino pli ol unu fojon moke rigardis min, sed tio neniel ĝenis min.

La parolado turniĝis al la plezuro de la dancado. « Se tiu-ĉi pasio estas difekto », diris Ĥanjo, « mi volonte konfesas al vi, ke mi scias nenion kontraŭ la dancado. Kiam ĉagreniĝante mi tinte ludas kontraŭdancon sur mia malagordita fortepiano, ĉio ree estas bona. »

Dum la konversacio, kiel ravis min ŝiaj nigraj okuloj ! kiel la vivplenaj lipoj kaj la freŝaj, viglaj vangoj altiris mian tutan animon ! kiel mi, sorĉita per la belega senco de ŝia parolado, ofte ne aŭdis la vortojn, kiujn ŝi uzis ! — tion vi povas imagi, ĉar vi konas min. Resume, mi eliris el la fiakro kiel sonĝanto, kiam ni ekhaltis antaŭ la amuzejo, kaj tiel perdis min revante, ke mi apenaŭ atentis la muzikon, kiu renkonte sonis al ni el la lumigita ĉambrego.

La du sinjoroj *Aŭdran* kaj iu N. N. — kiu memoras ĉiujn nomojn ! — kiuj estis dancontaj kun la kuzino kaj Ĥanjo, akceptis nin ĉe la fiakro, ekprenis siajn fraŭlinojn, kaj mi suprenkondukis la mian.

Ni interplektiĝis je menuetoj ; mi invitis unu fraŭlinon post la alia, kaj ĝuste la plej malagrablaj ne volis doni la manon kaj fini. Ĥanjo kaj ŝia kundancanto komencis anglan, kaj kiel mi estis feliĉa, kiam ŝi en la vico komencis la figuron ankaŭ kun mi, tion vi povas senti. Oni devas vidi ŝin dancantan. Vidu : ŝi ĉeestas kun tuta koro kaj tuta animo, ŝia tuta korpo harmonia, tiel senzorga, tiel malembarasata, kvazaŭ ŝi krome pensus nenion, sentus nenion ; kaj certe en tiu-ĉi momento ĉio alia malaperas ĉe ŝi.

Mi petis ŝin pri la dua kontraŭ-dancado ; ŝi promesis al mi la trian, kaj kun la plej aminda nekaŝemeco de l'mondo ŝi certigis min, ke ŝi tre amas danci germane. « Ĉi-tie estas modo, » ŝi daŭrigis, ke ĉiu paro restas kune ĉe la germana danco, kaj *Chapeau* valsas malbone kaj dankos al mi, se mi liberigas lin de la laboro. Via fraŭlino ankaŭ ne scias ĝin nek volas, kaj mi vidis ĉe la angla, ke vi valsas bone. Se do vi nun volas esti mia dum la germana, iru kaj petu mian Sinjoron, kaj mi volas iri al via Sinjorino ». — Mi jese donis al ŝi la manon, kaj ni interkonsentis, ke ŝia kundancanto dume amuzu mian dancantinon.

Jen komenciĝis ; kaj kelkan tempon ni amuzis nin je multobla pleklado de la brakoj. Kun kia ĉarmo, kaj kun kia facileco ŝi movis sin ! kaj kiam nun ni ekvalsis kaj turniĝis unu ĉirkaŭ la alia kiel sferoj, komence, tial ke tre malmultaj scias ĝin, iomete estis malordo. Ni estis saĝaj kaj lasis ilin elfuriozi, kaj kiam la plej mallertaj ekfinis, ni komencis kaj brave daŭrigis kun ankoraŭ unu paro, kun *Aŭdran* kaj lia dancantino. Neniam mi moviĝis tiel facile. Mi ne estis plu homo. Teni en la la brakoj la plej amindan kreitaĵon kaj rondflugi kun ŝi kiel ciklono, ke ĉio ĉirkaŭa malaperas, kaj — Vilhelmo, por esti verema, mi tamen faris la ĵuron, ke knabino, kiun mi amas, kiun mi pretendos, neniam devos valsi kun alia ol mi, eĉ se mi pereus pro tio. Vi komprenas min !

Ni faris kelke da rondiroj tra la ĉambrego por reguligi la spiradon. Ĉiam ŝi sidiĝis, kaj la oranĝoj rezervitaj, kiuj nun estis la solaj, kaj kiujn mi alportis al ŝi je tranĉaĵoj kun sukero por refreŝiĝi, faris bonegan efikon, sed mia koro trapikiĝis per ĉiu tranĉaĵo, kiun ŝi donis al malmodesta najbarino.

(*Daŭrigota*).

12. Torino. — Alveturo de princino Klementino el Belgujo, por edziniĝi kun Princo Viktoro Napoleono.

Iasnaja Poljana. — Leono Tolstoj malaperas el sia kamparloĝejo de Poljana. Oni lin retrovas en monaĥejo de Kelsek.

13. Parizo. — Superakvo ekokupas multajn stratojn de la ĉefurbo.

18. Morto de Leono Tolstoj. A. Tellini.

ESPERANTISTAJ MANIFESTACIOJ

# Kongreso de Provenca Federacio

La 2a Kongreso de la Esp. Provenca Federacio (Sud-Francujo) en Toulon, la 19 novembro, havis plenan sukceson. Ĉeestis 54 kongresanoj. Bela ekspozicio estis organizita ĉe la depeŝĉambro de la « Journal du Var ». Ĉe la kunveno S-ro Dumas, prez., rememorigis pri la progresoj de la Federacio kaj anoncis la aperon de gazeto « Tra Provenclando » kiu diskoniĝos Provencon fremdlanden. Poste oni alprenis diversajn administrajn decidojn, interalie la kongreso voĉdonas inviton al la francaj grupoj ĉiuj aliĝi al la S. f. p. E. Ĉe la vivplena festeno, estis kompreneble diversaj toastoj. S-ro Martin, nia fervora Del. en Nice parolis pri Esperantismo kaj la konkreta senco kiun U. E. A. donis al ĝi. Sekvis festeto. Entute bonega kaj ĝoja tago, kiu montras niajn progresojn en tiu bela regiono. La venonta kongreso okazos en Nice.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

### OFICIALA INFORMILO

**Balotado de la Komitato**

La balotado de la Komitado liveris la jenajn rezultatojn :

Voĉdonintoj : 57. Voĉoj esprimitaj : 69.

Estas elektitaj kiel *Komitatanoj* :

| | |
|---|---|
| H. Bolingbroke Mudie | 69 |
| H. Hodler | 69 |
| P. Blaise | 68 |
| Dro M. Kandt | 68 |
| Th. Rousseau | 68 |
| J. Schmid | 67 |
| P. Linares | 65 |
| F. Rockmann | 65 |
| S. Szabuniewicz | 65 |
| A. Carles | 64 |

Ricevis voĉojn: Stromboli 3, Privat 2, Vogler 2, Bord 1.

Estas elektitaj kiel *Vickomitatanoj* :

| | |
|---|---|
| Ed. Privat | 66 |
| Dro A. Stromboli | 66 |
| W. A. Vogler | 62 |

Ricevis voĉojn: Carles 2, Gottgetreu 1, Kandt 1, Linares 1, Szabuniewicz 1, Schubert 1.

La rezultatoj de la elekto de l'*Prezidanto* kaj *Vicprezidanto* de l'Komitato, de l'*Direktoro*, *Vicdirektoro* kaj *fakestroj* aperos en la venonta No.

**Aliĝoj.** — Jam multaj membroj aliĝis por 1911. Ni kore dankas la Del., kiuj klopodis por tio. La nombro de la Esperantianoj pagintaj la kotizajon antaŭ la 25a de Novembro superas 1.000. Oni daŭrigu, kaj zorgu ke ĉiuj kotizaĵoj estu pagitaj en januaro.

**Regionaj kunvenoj.** — Ili jam okazis en pluraj lokoj. Ni petas, ke oni ĉiam sendu protokolon pri ili. Resumo aperas en la Esperantiaj informoj.

**Esperantia ŝildo.** — Ni rememorigas la konkurson, kiun ni malfermis inter ĉiuj Esperantianoj pri *Esperantia Ŝildo*. Vidu la kondiĉojn en nia lasta no. Oni rapidu !

Krom tio U. E. A. preparas modelon de *afiŝo*, elpendigota ĉe la stacidomoj, hoteloj, publikaj lokoj, kaj enhavonta la adresojn de ĉiuj Del. kaj Esp-Oficejoj de la distrikto por servi kiel informilo al la vojaĝantoj kaj diskonigilo de nia Asocio.

**Al niaj korespondantoj.** — Pro la granda nombro de korespondaĵoj, kiujn ni ricevas, ni petas niajn korespondantojn 1e ĉiam noti sian adreson ; 2e skribi *legeble* kaj *apartigi* la diversajn punktojn de sia letero ; 3e sendante poŝtmandaton, rememorigi por kio estas difinota la mono (en la landoj, kie tio estas ebla). Tio multe faciligos nian laboron.

**Esperantia Biblioteko.** — La nova la *franclingva* broŝuro por U. E. A., pri kiu ni parolis en la lasta No, aperis.

Ĝi estas rekomendata al ĉiuj propagandistoj.

∴ Nova eldono de la *ruslingva* broŝuro por U. E. A. tuj aperos. Sin turni al S-ro Szabuniewiez, Mjasnickaja, dom de Keppen, Moskvo.

**Novaj Delegitoj**

*Bamberg* (Germanujo, Bavarujo), — S-ro Otto Reber, Friedrichstr 6/I.

*Bochnia* (Austrio, Galicio). — S-ro Leon Drojecki, farmaciisto.

*Cerisy-la-Salle* (Francujo, Manche). — S-ro Y. Delahaye, (Subdelegito).

*Châlons-sur-Marne* (Francujo). — S-ro L. Boyer, Rue de la Potellerie 1.

*Egorjevsk* (Rusujo, Riazan). — S-ro V. Zjenin.

*Frankenberg* (Germanujo, Saksujo). — S-ro Reinhold Hunger.

*Herisau* (Svisujo). — S-ro Walter Streit.

*Ipswich* (Anglujo) — S-ro Yolley, 46, All-saints Road.

*Kutais* (Rusujo, Kaŭkazio). — S-ro Vladimir Maksimov, Ecole Réale.

*Novocherkask* (Rusujo, Donskaja oblasti) — S-ro Boris Popov, Marijnkaja 36.

*Omsk* (Rusujo, Siberio). — Christian Leiton, Kontoro de H. G. Fient.

*Podolsk* (Rusujo, gub. Moskvo). — S-ro Inĝ. Emile Karlsen, Podolskij Zementnij Zavod.

*Rolle* (Svisujo). — S-ino Alice Schenk, Grande Rue, 38.

*Santiago de Compostela* (Hispanujo). — S-ro Antono Llinas, kuracisto.

*Staphorst* (Holando). — S-ro L. Breur, Rouvenn.

*Santa Cruz de Tenerife* (Afriko, insuloj Kanaraj). S-ro Heriberto Diaz Lopez, salle X. No 5.

*Vel. Mezirici* (Aŭstrio-Moravio). — S-ro Karel Haltmar, Zadruka 274.

*Zamboanga* (Insuloj Filipinaj). — S-ro F. Vandervoort, Box 1142.

*Zolotonoŝa* (Rusujo Poltava). S-ro A. Andreevski.

*Brita ŝiparo.* — S-ro Laurence William Wright Torpedo Gunner R. N. H. M. S. Minerva Mediteranean Fleet.

ŜANĜOJ. — La adreso de la nova Vicdel. estas : S-ro W. Beuschel, Schlosstrasse, 21. — *Aŭgsburg* : La adreso de la nova Vicdel. estas, S-ro Franz Gründler, Philippina Walzerstr. — *Bourg* : La Del. loĝas nun, S-ro Chevrot, 7, rue Teynière. La adreso de la nova Vicdel. estas : S-ro Huttin, rue du Quatre septembre. — *Yaŝi* : La adreso de la nova Vicdel estas : S-ino Kapit Maria Vivovski, Str. Laskov Katarĝi 1. — *Kairo* : La adreso de la Del. estas nun : S-ro Henriko Ŝipek, Charch Mandej 2, kontraŭ Fh. Cook kaj Son. — *Orléans* : La Del. estas nun : S-ro Robert Pillault, rue Grison, 6. — *Roanne* : La Del. estas nun, S-ro Ant. Marret, Postes et Télégraphes. — *Toulouse* : La adreso de la Del. estas nun : S-ro Georges Chalot, rue Pharaon, 12. — *Tübingen* (Germanujo) : La adreso de la nova Vicdel. estas : S-ro Hermann Reber, Kloterberg, 2. — *Utrecht* : La adreso de la Del. estas nun ; S-ro H. R. Van Ollefen, Staalstraat, 23 bis.

NIAJ NOVAJ

# ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

Sekve de la novaj dokumentoj, kiujn ni presigis por 1911, la nombro de la Esperantiaj Entreprenoj senteble pligrandiĝis. Inter ili estas gravaj firmoj, kiuj ĝis nun tute ne estis Esperantistoj kaj estis altiritaj al nia afero nur per U. E. A. Krom la malnovaj, kiel la tutmonda vojaĝagentejo Cook, la vendejo Selfridge, k. t. p., oni devas citi, inter la novaj, la bone konatan eldonejon *Hachette & Cie*, el Paris, kiu eldonas la Esperantajn kolektojn de « La Revuo » kaj multegajn francajn verkojn, la grandan presejon *Jobard*, el Dijon, unu el la plej grandaj svisaj presejoj la presejon *Büchler*, el Bern, la mondkonatan ĉokoladfabrikon *Tobler*, el Bern, la konatan vinfirmon *Quenot*, el Dijon, la tekomercan firmon *Matheson, M. Laren & Cie*, el Edinburgh, la fabrikejon de artistkoloroj, inkoj, k. t. p. *Günther Wagner*, el Hannover, la *Internacian Instituton*, el Langnau (Svisujo), la fromaĝeksportan firmon *Probst & Cie*, el Langnau (Emmenthal, Svisujo), la peltfirmon *Lafon*, el Paris, la firmon de ĥemiistaj kaj drogistaj produktaĵoj *Burroughs Wellcome* and Cie, el Sydney, kun diverslandaj filioj.

Kiel societoj oni povas citi la gravan *Internacian Ligon por la pura nutraĵo* (vidu artikolon pri ĝi en tiu No), la Unuiĝon por la interesoj de la eksterlandaj rilatoj, el Augsburg, ne forgesante la gravan societon *La Paix par le Droit*, (La Paco per la Juro).

Krom tio la Esperantistaj organizaĵoj pli kaj pli sentas la bezonon kunlabori kun U. E. A. kaj aliĝas kiel Entreprenoj. La *T. E. K. A.*, la *Ĉiostudanta Asocio*, la *S. f. p E.*, la *Pariza Esp. Grupo*, la *Nederlanda Katolika Esp. Ligo*, sekvis la ekzemplon de la jam multaj grupoj kiuj aliĝis al nia Asocio.

Oni ne devas forgesi gazetojn, kiel *La Revuo*, *Paris-Esperanto*, *Internacia Medicino*, *Scienca Revuo*, *Germana Esperanto-Gazeto* kaj konatajn entreprenojn, kiel la *Ĉekbankon Esperantistan*, kies servoj estas tiel ŝatataj de niaj delegitoj, la *Internacian Propagandejon*, kiu eldonas la Ĉefeĉ'ajn ŝlosilojn kaj Tutojn, la *Germanan Esperanto-Librejon*, el Leipzig, la eldonejon *Ader*, el Dresden, la eldonejon *Flükiger & Schmid*, el Bern, la *Esp.-Oficejon* de Sino Farges, el Lyon, k. t. p., k. t. p.

Kiel oni vidas la listo de la Entreprenoj pligrandiĝas ; ĝi baldaŭ atingos 200. Tamen ĝi povus ankoraŭ multe pligrandiĝi, se *ĉiuj* niaj Del. kaj komercaj konsuloj bonvolus energie klopodi laŭ tiu direkto. Oni scias, ke interŝanĝe de la kotizaĵo (5 $), ĉiu Entrepreno havas rajton je senpaga anonco de *dudek* vortoj en la *Oficiala Jarlibro*. Ĉar tiu ĉi eldonaĵo estas sendata al ĉiuj Esperantianoj kaj ni povas garantii minimume 8.000 ekz., oni facile komprenos, ke eĉ ne parolante pri la aliaj servoj de U. E. A., tiu ĉi jam egalvaloras la kotizaĵon. Se niaj Del. aŭ konsuloj, sin turnante al firmo scias atentigi pri tiu punkto, ili certe ricevos aliĝon. La eksperimento estis farita.

Aliparte, por faciligi la varbadon de Entreprenoj, ni eldonis en *angla*, *franca* kaj *germana* lingvoj varbilojn, kiujn ni sendos al ĉiuj petantoj kaj kies provizon ricevis niaj Del. Plie por la aliĝintaj Entreprenoj ni havas, en la tri supre nomitaj lingvoj, pretajn demandfoliojn, kiuj permesas al ili uzi la servojn de niaj Del., *sen* la senpera uzo de Esperanto. Tio do signifas, ke vasta *praktika* agadkampo estas malfermata al la agemeco de niaj amikoj. Por varbi Entreprenojn, estas tute neutile, eĉ *malutile*, paroli al ili pri lingvo internacia, Esperanto, k. t. p., kiuj ilin ne interesas, sed nur pri la profitoj riceveblaj post la aliĝo : t. e. enpreso en la jarlibro, uzo de niaj servoj. Tio tute sufiĉas. Oni ankaŭ ne promesu aferojn ne realigeblajn, sed nur tion, kio estas *certa* en la nuna tempo.

Se ĉiuj niaj amikoj agos, en malmulte da tempo, la nombro de la Entreprenoj kvinobliĝus. Tio estas de *nun* farebla. Do, rapide antaŭen al la unua *milo* de la Entreprenoj !

∴

La Of. Jarlibro estos sendata senpage al ĉiuj Entreprenoj kun rajtiga karto, demandfolioj en nacia lingvo (se ekzistas en la lingvo de la aliĝinto).

Ĉar la jarlibro por 1911 tuj aperos, la anoncoj de la Entreprenoj de nun aliĝontaj aperos en la aldonoj al la jarlibro kaj en la jarlibro por 1912. Kompreneble la servojn ili povos uzi tuj post sia aliĝo.

El la kotizaĵo de la Entreprenoj ni rememorigas, ke 1/10 estas por la Del. kaj 1/10 por la regiona kaso.

La grupoj, societoj, gazetoj Esperantistaj pagas nur kotizaĵon da 2 $.

# Aviada Komisiono

Kiel ni jam diris, U. E. A. kies celo estas « plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj » opiniis sian devon iel ajn montri sian intereson pri la granda aeroplan flugado tra Parizo, Berlino, Londono kaj Parizo organizata de la grava franca gazeto « Le Journal ».

La Komitato de nia Asocio decidis donaci oran medalon aŭ pokalon al la aviadisto esperantista se estas, aŭ se ne, al tiu el la partoprenontoj kiu plenumos fiksotojn kondiĉojn.

S-ro Rousseau, Komitatano, estis komisiata por elekti Komisionon kiu fiksos tiujn kondiĉojn. La esperantianoj ĉiulandaj kiuj deziras partopreni en tiu komisiono, aŭ kiuj havas interesajn ideojn pri la afero, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sin konigi.

Jam por tiu komisiono estas elektitaj : S-roj M. Génermont Del. en Parizo ; leŭtenanto Martin Del. en Nice, kaj Demarcy, komitatano de la S. F. P. E. esperantiano en Beauvais.

Ni tute speciale dankas S-ron Demarcy pri lia kunlaborado. Al li oni ŝuldas, laŭ nia scio la unuan ideon pri esperantista premio al aviadisto partoprenonta en tiu flugado. Li unue konigis sian ideon al la S. F. P. E. kiu, pro la internacieco de la afero afable ĝin resendis al U. E. A. por efektivigo, kaj delegis S-ro Demarcy por rilatiĝi kun nia Asocio pri tio.

Jam ni ricevis kelkajn donacojn por nia medalo aŭ pokalo. Sed por ke ĝi estu inda je nia Asocio kaj je la tuta Esperantistaro, ni treege insistas por ke ĉiu samideano plej baldaŭ transdonu el ni sian donaceton, ĉu senpere, ĉu per la Delegito de sia loko.

La plej bona maniero kolekti sufiĉe gravajn monsumojn estas ke la Delegitoj, estroj de grupoj, societoj lokaj aŭ naciaj k. c. faru monkolekton en ĉiuj esperantistaj festenoj, kunvenoj, festoj k. c.

# DUMVIVAJ MEMBROJ

Kreante tiun novan kategorion de membroj, la nova Statuto celis antaŭ ĉio plibonigi la financan situacion de U. E. A. Estas efektive nedubeble, ke ĝenerale malfacilaj estas la komencoj de Asocio, kiu, kiel nia, pro siaj praktikaj servoj, devas esti tute serioze kaj firme starigata. La rezultatoj, kiujn ni rajtas esperi pro ekspluatado de niaj servoj sur komerca bazo, estas riceveblaj nur post kelka tempo kaj, dume, estas necese, ke ĝuste por atingi tiun celon, U. E. A. estu interne organizata kiel ĉiu serioza grupiĝo, t. e. havu oficejon kaj oficistaron, dank'al kies materiala laboro niaj servoj povos normale funkciadi. Tre utilaj estas do la dumvivaj membroj en tiu rilato. Cetere oni povas konstati, ke ĉiuj gravaj societoj la kategorio de dumvivaj membroj multege utilis al ili en la komenca periodo. Sufiĉas citi diversajn Turing-Klubajn societojn, kiuj povis progresi ĉefe dank'al la financa apogo, kiun en la komenco alportis la dumvivaj membroj. Tio do estas por U. E. A. tiom pli necesa, ke ĝi vivis ĝis nun nur per la kotizaĵoj de siaj membroj kaj iliaj memvolaj donacoj, ke ĝi ricevis nenies gravan monhelpon kaj nenies heredaĵon... Ni cetere ne plendas je tio ĉar ni konsideras, ke organizaĵo kiu ne povas vivi per si mem ne estas vivinda.

Sed dumviva membro estas ne nur donacanto, sed ankaŭ membro. Li interŝanĝe ricevas difinitajn profitojn kaj aliparte, ĉar oni povas antaŭvidi, ke post kelkaj jaroj la kotizaĵo de U. E. A. verŝajne plialtiĝos, oni povas ankoraŭ kompreni, ke la aliĝo kiel dumviva membro estas ne malbona spekulacio, kiel diris nia prezidanto ĉe la Augsburga Kongreso.

Ni rememorigas ke la kotizaĵo por dumviva membro (kun ĉiujara jarlibro kaj senpaga ricevado de ĝiaj aldonoj) estas *30 Sm.* Oni povas ĝin pagi ĉu en unu fojo, ĉu en tri fojoj (1/3 ĉiujare). La du trionoj de la kotizaĵo estas spezata al la *rezerva kapitalo* ; la alia triono al la kuranta kaso.

∴

**1a Listo de Dumvivaj Membroj**

*A. Bolingbroke Mudie*, prez, U. E. A. *London*. D-ro, *H. Mangelsdorf*, red. de Germana Esp. Gazeto. *Magdeburg*. — D-ro A. Stromboli, Del. *Genova*. J. Camescasse, *Paris*. — A. Tuke Priestmann, Del. *Bradford*. — Th. Rousseau, komitatano U. E. A. *Dijon*. — Inĝ. Dainelli, *Genova*.

Koran dankon al la ĝisnunaj aliĝintoj.

# Esperantiaj Informoj

**Regionaj kunvenoj.**

La regionaj kunvenoj de Esperantianoj, laŭ la nova statuto, okazis jam en diversaj lokoj. Je la 23-a de novembro, ni havis la protokolojn de la kunvenoj en *Bruselo*, *Dijon*, *Düsseldorf*, *Godesberg*, *S. Gravenhage*, *Hamburg*, *Hannover*, *Neuchâtel*, *Paris*, *Portsmouth*, *Trieste*.

Ili kunigis entute ĉirkaŭ 150 partoprenantoj. En ĉiuj el ili la membroj aŭdis la raporton de la Del. kaj konsuloj pri la regiona agado de U. E. A., la nova statuto kaj la faritaj servoj. Ĉie la raporto de la Del. estis aprobita. Sekvis en la plej multaj lokoj amika diskutado pri plibonigo de la regiona agado por nia Asocio.

Tiuj kunvenoj montriĝas tre utilaj. Ni petas la Del., ke ili rapidu organizi sian regionan kunvenon kaj ne forgesu sendi al ni la protokolon.

∴

**Dijon** (Franc.). — Fondiĝis tie *Esperantia Hejmo*, t. e. kunvenejo kiu estas malfermata al ĉiuj Esp.-ianoj, kontraŭ aldona pago de kotizaĵo da 20 Sd. monate. Tiel ĉiuj regionaj Esp.-ianoj havos ofte la okazon interrilati. Imitinda ekzemplo.

**Düsseldorf** (German.). — La urba informoficejo forsendas al ĉiu petonto senpagan gvidlibron kun Esp. aldono pri Düsseldorf. Postulu multnombre ĉe Verkehrsverein, 91, Graf. Adolfstr., 91.

**Lyon** (Franc.). — Laŭ la iniciato de S-ino Farges, la fervora estrino de la tiea Esp.-Of. fondiĝis *Esperantista Hejmo*, konstante malfermata al ĉiuj samideanoj kaj samtempe kunvenejo de la Esp. societoj. Ĝi sidas 2, rue Emile-Zola, ĉe la centro de l'urbo. Dum decembro okazos paroladoj (3 dec.). S-ro Cloupet, pri komercaj vojaĝoj en German-, Belg-, kaj Anglujo. kaj utiloj ricevitaj de U. E. A. ; (17 dec.), S-ro Jabœuf, Del. U. E. A., pri la organizo de U. E. A. kaj la servoj riceveblaj perĝi. La 5-a decembro okazos la jara regiona kunveno de la Esp.-ianoj.

∴

**Notindaĵoj.**

La Bradforda Esp. grupo preparas kunvenon de la tri *Nord-Anglaj Federacioj*. Ĝi okazos lunde, je la venonta paska semajno, ĉe la angla Laglando. Kompreneble la fremduloj estas kore invitataj.

La Laglando estas facile kaj malkare atingebla de ĉiu parto de la lando kaj, pro propraj spertoj dum multaj jaroj, la skribanto povas konstati ke je neniu alia sezono de la jaro estas la lagoj kaj montoj pli belaj kaj pli kolorozaj ol je la fruprintempo ; bonŝance samsezone la hoteloj estas malmulte okupataj kaj certe estas ke esperantistaro ĉu konsistanta el 25, 50, 100 aŭ pli da personoj facile povas kunloĝadi (kompreneble per sufiĉe frua antaŭaranĝo) je kosto po ne pli ol 3 Sm. ĉiutage por loĝado kaj manĝado. Ĉiuj interesatoj bonvolu sin turni al nia Del. en Bradford.

∴ La 8-a decembro okazos en *Pardubice* la dua kunveno de *Esperantistoj el Orienta Bohemujo*. Alloga programo.

∴ La 11-a decembro okazos en *Utrecht* la jara kunveno de la *Holanda Societo Esperantista* (hôtel de l'Europe, Uredenburg, 17).

# Esperantia Parolejo

**Alvoko al la Pacifistoj kaj Esperantistoj**

La proksiman jaron okazos en Romo, la internacia kongreso de la Paco. Ŝajnas ke ne tiel facile ni povos havi pli belan okazon por praktike labori. La kongreso kiu precipe havos la devon unue uzi lingvon internacian estas certe la kongreso de pacifistoj.

Por helpi al la sukceso de Esperanto, kaj al la praktika aplikado de nia lingvo ĉe tiu kongreso, mi jam de kelke da monatoj sukcesis malfermi Esp. rubrikon ĉe la grava itala revuo por la Paco *Vita Internazionale*, kiu eliras en Milano. Preskaŭ en ĉiuj kajeroj de tiu ĉi jaro estas artikoloj pri kaj pro Esperanto. Per tiu revuo la italaj pacifistoj jam konatiĝis kun nia lingvo. Ŝajnas ke oni rigardas tute simpatie al nia movado certe la plej grava en la paca movado. Tial mi atentigas la plej agemajn el niaj samideanoj de ĉiu lando klopodi por malfermi Esp. rubrikon en ĉiuj Revuoj por la Paco, kaj en ĉiuj instigi la pacifistojn lerni Esperanton kaj uzi ĝin dum la dirita kongreso.

Se fine unufoje kongreso internacia uzos nian lingvon en siaj kunsidoj oni pli bone atentos pri nia afero. La Esperantistoj devus ĉeesti multaj al tiu kongreso, kaj se ne estos eble ke Esperanto estu la sola lingvo de la kunsidoj, estos tute bone aranĝi apartan seriozan kongreson por la esperantistoj pacifistaj. Sed nune la ĉefa afero estas varbi al ni la oficialajn organojn de la pacaj societoj, tiel ke ĉiuj pacifistoj venante al Romo ankaŭ ne komprenante Esperanton, jam aŭdis pri tio kaj pli simpatie rigardos al nia praktika aplikado.

La samideanoj kiuj okupos sin pri tio bonvolu informi min pri ĉio, kaj kolekti informojn pri Esp. paca movado en sia lando tial ke estu eble al mi informi per la dirita revuo la italajn pacifistojn, kaj tiel pli bone prepari la teron.

A. Stromboli,
(Del. Genova).

∴

Ni estas skeptikaj pri la *rezultatoj* de propagando por Esp. en pacifistoj gazetoj kaj kongresoj. Ĉu vi bezonas rememorigi, ke antaŭ pluraj jaroj fondiĝis Pacifista Esp. Societo, kies prezidanto S-ro G. Moch estis samtempe influa pacifisto, ke tiu societo, havis organon bone redaktitan, ke ĝi eldonis bonegan (je pacifista vidpunkto) kolekton de verkoj, ke ĝi vigle propagandis por Esperanto ĉe la Pacifistaj Kongresoj, speciale en Luzern, — ne sen sukceso : ĝi efektive ricevis varmajn *aprobojn* — kaj ke ĉio tio mizere malsukcesis kaj kondukis al tiu rezultato ke ni estas en la sama stato kiel antaŭe. Je tiu malsukceso estas kulpa ne tiu aŭ alia persono, sed la metodo uzita, kiu ĉe la pacifistoj kiel ĉe aliaj fakoj, montriĝis senefika. Ĝi ĉiam foriras de tiu iluzio, ke montrante la dezirindecon de lingvo internacia, tio sufiĉos por ke ĉiuj homoj konfesantaj tiun dezirindecon, ĝin lernu kaj fariĝu Esperantistoj. Eraro. Jam miloj kaj miloj da homoj eksciis pri Esp. per gazetartikoloj ; ili konfesas ĝian dezirindecon. Ĉu ili lernas kaj uzas ĝin ? Al multegaj kongresanoj de tiu aŭ alia partio estis predikita pri Esp. La rezultato ? Kiu el la multaj kongresoj, aprobintaj Esp. — post kiom da klopodoj kaj emocioj de la Esperantistoj — mi ne povas diri — nun uzas nian lingvon ? mi eĉ ne kuraĝas kalkuli.

La fakto estas, ke simpla propagando ĉiam malsukcesos. Realigi, krei unue — *poste* propagandi, prediki... se necese. Anstataŭ proponi al tiu kongreso la alprenon de Esperanto, kunvenu kaj interrilatu *per* Esperanto la personoj, kiujn interesas ĝia celo, sed ne kiel fenomena kunveno por montri ke Esp. estas parolebla — kio ĉiam havas karakteron de io preparita kaj sufiĉe ridinda por ne esperantistoj — sed tute simple kiel ordinara kunveno, en kiu parolos Esperanton la homoj kiuj antaŭe rilatis per Esperanto por trakti komunajn demandojn, por sin organizi, por labori. Oni estus certa, ke tia modesta kunveno kun la *persona agado* de kongresanoj Esperantistaj — al kies efiko nenio estas komprenebla — kunveno, kiu montras ion ekzistantan — pli utilas ol grandaj manifestacioj. La ekzemploj abundas. Kaj fine, ĉu oni permesos ankoraŭ alian rimarkon ? La plej bona maniero utili al pacifismo estas agi en Esperantismo. La organizita *agado* — mi ne diras propagando — de U. E. A. havas multe pli gravan pacifistan signifon ol la pacifistaj kongresoj, kiuj de multaj jaroj montras la dezirindecon de l'paco, voĉdonas rezoluciojn pri tio, kaj... Anstataŭ prediki la pacon, ni laboras por igi ĝin necesa ; anstataŭ peti la registarojn amike rilati, ni agas tiel ke la *homoj* — el kiuj fine dependas la registaroj — unue amike rilatu inter si. Esperantismo estas tiel supera al pacifismo kiel praktiko al teorio, kiel « mi faros » al « mi deziras ». — H. H.

# Tra la Esperanto literatura

Laste ricevitaj verkoj.

**Malnovaj paĝoj** el Lingvo Internacia. Unua serio (1896). — Paris, presa esperantista societo, 33, rue Lacépède. Prezo 1 fr. 25 (Sm. 0,50).

**Kiel plaĉas al vi,** komedio de Shakespeare, tradukis D-ro Ivy Kellermann (Sm. 1).

**Unuaj agordoj,** poezioj de Viktor Elski Eska. Lodz (Polujo), Stanislaw Miszewski librejo (Sm. 0.20).

**La Litadmonoj de S-ino Kodel** (Mrs Caudle's custain lectures) de Douglas Jerrold, trad. James Robbie. Aĉetebla ĉe The British Esperanto Association, 133-136 High Holborn, London, W. C. Prezo : 4 Sd.

**La Aventuroj de Alicio en Mirlando,** de Lewiss Carroj, trad. E. L. Kearney. British Esperanto Association. Prezo (afrankite) : 0.60 Sm. (papere).

**Sub la meznokta suno.** — Nordlandaj Rakontoj, trad. Lehman Wendell. Amerika esperantista kompanio, Chicago. Prezo : broŝ. Sm. 0.70, bind. Sm., 1.20.

Ĉar mi ricevis la kvar lastajn verkojn antaŭ 2-3 tagoj, mi recenzos hodiaŭ nur la unuan. En mia januara recenzo mi parolos detale pri la aliaj.

∴

**Malnovaj paĝoj**

Ĉiam kun granda plezuro kaj vera respekto mi legas la plej malnovajn verkojn de nia literaturo. Mi sentas profundan dankemon al la unuaj pioniroj de nia altanima ideo, al la apostoloj de nia lingvo kaj movado. Plie, la pureco kaj freŝeco de nia Zamenhofa lingvo, kiun tiutempe ne ankoraŭ provis velkigi la riĉigistoj (?) kaj plibonigistoj (?), havigas al mi plej delikatan plezuron kaj forviŝas el mia memoro, almenaŭ dum momento, multajn verkojn fuŝlaboritajn, sen respekto por la lingvo, sen ĝentilo por la legantoj.

La **Malnovaj Paĝoj** konsistas el dekkvar verkoj kaj tekstoj de naŭ aŭtoroj. En tiu periodo (1896) malmulte da Esperantistoj estis Francoj, Germanoj, Angloj. Do ne estas mirige, ke la naŭ supreditaj aŭtoroj estas precipe rusaj, polaj aŭ svedaj. Mi plezure citas iliajn nomojn : Wasniewski, P. Nylen, Prohorovič-Kočmarenko, Sydow, Costa e Almeida, Kofman, V. Gernet, Alojvo, V. Langlet. La iom malnovaj Esperantistoj kortuŝe salutos tiujn verkistojn, al kiuj ili ŝuldas tiom da agrablaj — ho ve ! forpasintaj — impresoj. La nuna legado de tiuj ĉarmaj, diversaj, vivplenaj tekstoj revivigas en iliaj koroj la iamajn emociojn.

En tre, eĉ tro mallonga antaŭparolo, S-ro Th. Cart diras prave : « Oni konstatos, ke, malgraŭ la diverseco de la aŭtoroj, la lingvo estas vere *unu* lingvo, ke ĝi estas ankoraŭ tiu de niaj nunaj plej lertaj literaturistoj, kaj ke la libera, natura evolucio absolute ne faris ĝin straega aŭ arkaika por hodiaŭaj legantoj : la ĉarmo de tiuj ĉi malnovaj paĝoj restas tiel freŝa, tiel viva, kiel ĝi estis ĉe ilia unua apero. »

Kompreneble mi ne volas, nek povas resumi tiun libreton, kiu konsistas el plej malsimilaj tekstoj : legendoj, noveloj, vojaĝoj, k. t. p. Mi, Franco, legis kun plej granda intereso la vojaĝon *per aerostato de Parizo al la montoj norvegaj*, kiu okazis ĝuste antaŭ kvardek jaroj, dum la terura milito de 1870 ; la aerveturantoj estis S-roj Rolier kaj H. L. Deschamps. La vojaĝoj daŭris 15 horojn « plenajn da danĝeroj ». La veturintojn akceptis du norvegoj, Harald kaj Klas Strand. Per signoj ili interparolis. Rolier kaj Deschamps estis falintaj sur Lifjelj en Silfjord (Telemarken). « La 30-an de novembro ili venis al Kristiania, iris al la franca ĝeneralkonsulejo kaj transdonis sian depeŝon, kiu tuj per la telegrafo estis sendita tra Londono al la franca regantaro en Tours. La depeŝo enhavis tian projekton, kiu poste estis sekvata de la intencita unuiĝo de la Loire-armeo kun la armeo Pariza. »

En la stilo, mi rimarkis kelkajn vortojn aŭ konstruojn, kiujn hodiaŭ kelkaj montras kiel novaĵojn. Ekz. sen permesi (ne permesante), fono (p. 77) — malsobro, atendeblo, trankvilo, — verboj : guti, turi, brilesti, blindi, kurbi, larmi, mami (mamnutri) k. t. p. — la sufikson *ad* montrante la *agon* (= ig) fumadata (vi estos fumadata), — fine, por plezurigi S-ron Antido, *bataldo* (anstataŭ armilo).

∴

Antaŭ ne longe, mi proponis al la lernantoj de mia tutesperanta ĉiusabata kurso tiun ĉi temon : Ĉu la atenta legado de la plej malnovaj verkoj de nia literaturo estas utila ? Diru la kialojn de via opinio. Du el ili skribe respondis tiun demandon ne kiel lernantoj, sed kiel majstroj, t. e., kiel malnovaj, kleraj kaj spertaj Esperantistoj. Certe iliaj trafaj respondoj interesos miajn legantojn.

(De S-ro G...)

Male al tio, kion pensis multaj personoj, kiuj antaŭdiris, ke internacia spirito de Esperanto malaperos iom post iom, oni tuj konvinkiĝas, kiam oni komparas la plej malnovajn verkojn al tiuj eldonitaj lastatempe, ke tiuj antaŭdiroj estis falsaj.

Se la novaj verkaĵoj entenas vortojn kaj esprimojn forestantajn en tiuj de la unuaj pioniroj de la lingvo, tio klariĝas per tio, ke Esperanto, kiel ĉiu alia lingvo estis devigataj ĉerpi sian tutan materialon, ĉu por traduki ĉu por originale verki, nur el Universala vortaro. Por esprimi siajn ĝustajn ideojn, neeviteble do, ili ofte forĝis kunmetitajn vortojn.

Ĉu el tio devenas, ke la plej malnovaj verkoj de nia literaturo estas neinteresaj? Kontraŭe kaj grandan profiton donos al ĉiuj samideanoj ilia legado. Ne nur per ĝi ili pli facile komprenos la strukturon kaj meĥanikismon de la lingvo (ĉar tiamaniere ili konatiĝos kun Esperanto tuj de ĝia infaneco — kaj kompreneble, kiel ĉiu infaneco, tiu de Esperanto havis simplecon) — sed ankaŭ ili eltiros profiton el tio, ke la verkintoj de la unua periodo estis aŭ rusoj aŭ poloj aŭ svedoj. Tiu lasta motivo sufiĉus por instigi la verdstelulojn, precipe la latinajn, al tiu legado.

Kleruloj povas, certe, verki fremdlingve en perfekta maniero, laŭ gramatikaj reguloj, sed malgraŭ ĉia zorgo, ili emas enmeti ion nacian en la stilon de sia verkaĵo. Eble kelkajn negrandajn malfacilaĵojn iliaj legantoj renkontas, sed tio estas por ili tre utila, devigante ilin esplori diversmanierojn de la vortfarado kaj frazkonstruo kaj tiel kutimiĝi al ĉia literaturo.

(De S-ro P...)

Per tiu legado, oni konvinkiĝas pri tiu fakto admirinda kaj unika : kun helpo de 900 radikoj, oni facile povas trakti pri ĉiuj ordinaraj bezonoj de la vivo, kaj ankaŭ pri literaturaj kaj ĝeneralaj temoj. Tio estas pli ol ordinare bezonas la plimulto el la Esperantistoj. Sed eĉ tiuj, kiuj intencas elstudi nian lingvon por sciencaj aŭ teĥnikaj celoj kaj fakoj iĝos sian spiriton fari profitan ekzercon, legante — aŭ relegante — la malnovajn verkojn.

Ĉar la kunmetitaj vortoj estas pli ofte renkonteblaj en la malnovaj ol en la novaj verkoj, la meĥanikismo de nia lingvo sin elmontras detale ; la leganto kutimiĝas je la multaj kombinoj de radikoj kun radikoj kaj afiksoj, en kies faciluzado sidas la originaleco kaj riĉeco de nia lingvo.....

Oni diris, ke tiuj unuaj elementoj estas la ostaro de nia lingvo. Ne sufiĉe ! Ili estas ĝia tuta korpo. La riĉaĵoj (kelkfoje ŝajnaj), kiuj poste almetiĝis al nia lingvo, estas kvazaŭ lanugo, kiu kreskis sur la lipoj de tiu junulo *Esperanto*. Sed la junulo plene ekzistis kaj vigle moviĝis antaŭen ; li estis jam bela, kaj nenio mankis por lia bonsano. Asertebla estas ja, ke kelkajn aldonojn al nia lingvo oni povas kompari kun aknoj, kiuj malbeligas momente la freŝan vizaĝon de l'junulo (vidu la 1an numeron de Juneco).

Kiam el tiu fundamento, el la multaj kombinoj kies aplikojn oni trovas legante la malnovajn verkojn, ni scios ĉerpi ĉion ĉerpeblan, tiam ni estos jam lertaj Esperantistoj — kaj pli facile povos nin perfektigi. Kiam nia supremontrita junulo (Esperanto) facile plenumos por ni la plej ordinaran laboron, ni okupos lin je pli speciala tasko.

Dume, ni legu la malnovajn verkojn. Ili estas la plej taŭgaj gimnastikiloj, per kiuj nia Esperanta stilo fariĝos vigla, lerta kaj fortika.

Oni ne konsideru tamen, ke laŭdoj al la malnovaj verkoj entenas ian kritikon al la novaj. Kiel la leconoj de la estinto helpas al la progreso, tiel la elkono de la malnovaj verkoj igis nin pli kompetentaj por ĝui kaj taksi — aŭ por verki — novajn.

∴

Rimarku ankaŭ ke en la historio de la naciaj lingvoj, ekzemple la franca, estas multaj gravaj diferencoj inter la pralingvo kaj la nuntempa, kaj ni bezonas speciale lerni kaj studi la malnovajn verkojn, kiel se ili estus fremdlingve verkitaj. Sed en Esperanto tio ne okazas kaj, kredeble, ne okazos antaŭlonge, kondiĉe ke la nunaj kaj estontaj Esperantistoj ĉiam kaj konstante komencu la lernadon de Esperanto ĉu el la plej malnovaj verkoj de Grabowski kaj aliaj samtempuloj.

Plie tiu laŭ fundamenta lernado konservos la unuecon kaj facilkompreneblon de nia lingvo, ĝian internacian kaj propran komunehoman spiriton.

Mi aldonos alian gravan rimarkon. En ĉi tiu tempo, kiam bedaŭrinde kelkaj vortarfabrikistoj provas doni al tiaj vortaroj falsan kaj mensogan originalecon, enkondukante perforte multajn novajn vortojn, radikojn, grafiojn, fariĝas pli kaj pli necese, ke la fidelaj Esperantistoj perfekte konatiĝu kun la fundamenta materialo de nia Zamenhofa lingvo, por ke ili povu facile kaj rapide apartigi la malbonon de la bono, la lolon de la tritiko kaj absolute forĵeti ĉiujn fuŝverkaĵojn, kiuj nur celas trabati la vojon al akaparistoj de niaj lingvo kaj movado.

VERTO.

